XXa jaro. No 288-89 (8-9) ☆ Monata ☆ Aŭgusto-Septembro 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## XVIa en Vieno — XVIIa en Svislando.

Nia dek-sesa universala kongreso montriĝis denova grandioza manifestacio de l' amasa forto de l' esperantistaro. La ĉefa ekstera rezultato estis multnombraj artikoloj en la gazetaro de Centra Eŭropo. La ĉefa interna efiko estis la preskaŭ unuanima konfirmo de la nova esperantista labormetodo kaj la deziro, ke niaj kongresoj ne plu sin tedu per organizaj diskutoj, sed lasu tion al la taŭgaj korporacioj, nia Universala Asocio kaj la naciaj societoj, kiuj reprezentas la kotizantajn esperantistojn, kune elektas la Centran Komitaton kaj povas kunveni aŭ skribe voĉdoni dum la jaro.

La malnovaj regularoj, la malnova K. K. K. de nun malaperis kaj la Centra Komitato devos, laŭ la rekomendo de Helsinki eldoni ĉi tiun vintron novan oficialan libreton entenantan la Deklaracion de Bulonjo, la kontrakton de Helsinki, la statuton de UEA, la regularon de K. R. kaj la novan regularon de la kongresoj akceptitan en Vieno. Tiam ĉio estos fine klara kaj, laŭ la deziro de la dek-sesa kongreso, oni ne plu perdos tempon pri tiuj aferoj.

Estas ja tempo, ke ni dediĉu nian tutan forton al la antaŭenpuŝo de nia afero, kio estas nia komuna celo. Ankaŭ la kongresoj ne devas formanĝi la tutan zorgon, monon kaj fervoron de la esperantistoj. Jam venis la tempo, kiam oni devus ekuzi la forton de la granda nombro por organizi kongresojn en Esperanto pri aliaj temoj, ĉu praktikaj, ĉu idealistaj, de la internacia vivo. Tio ankaŭ estis la deziro de nia Majstro, kiu ĝin esprimis en diversaj paroladoj.

Ni provis tion komenci unue per teknikaj konferencoj kun limigita nombro de delegitoj. Ni devus baldaŭ provi pli vastajn kongresojn laŭ tiu modelo. Sed la esperantistaro, eĉ avida je novaj provoj, tre varme ŝatas, eĉ amas la tradicion de niaj klasikaj kongresoj, ne pro la laborkunsidoj, kiuj perdis preskaŭ ĉian intereson kaj ĉeestantaron, sed pro la solena, impresa malfermo, kiu restas emocia momento, ankoraŭ dumjare prirevata de la malnovuloj memore kaj de la novuloj dezire.

La Centra Komitato devos do studi sub kia formo estos eble konservi tiun parton de la tradicio, kiu respondas al ĝenerala ŝato kaj enŝovi novan elementon pli interesan. Ekzemple la ideo pri internacia somer-universitato en nia lingvo montriĝis tre populara en Vieno dum diskutoj.

Sed oni memoru, ke en aŭgusto ĉiu deziras iom ripozi. Bela malfermo, facila interrenkontiĝo, agrablaj ekskursoj, jen la ĉefaj allogaĵoj al kongreso, dum serioza metoda laboro altiras al teknikaj aŭ apartaj konferencoj.

Niaj britaj samideanoj invitis la kongreson por 1926 kaj ni estus volonte haltintaj unujare por plisukcesigi diversajn teknikajn konferencojn projektitajn por ĉi tiu jaro, interalie la komercistan en Parizo je majo, sed regas forta deziro, ke oni tamen organizu kongreson ĉiujare.

Ĉar neniu invito venis por 1925 kaj ĉar oni proponis Svislandon de ĉiuj flankoj por reveni iom pli okcidenten, estas kredeble, ke la Centra Komitato devos peti la Svis. Esp.-Soc. kaj UEA kunhelpi la organizon de venonta kongreso en Svislando, verŝajne en Genève, kun posta restado sur la montoj ĉe la Lemana Lago.

Ni esperas doni la finan decidon kun detaloj en nia oktobra numero. Sed la organizo de amasaj kunvenegoj kun kelkmiloj da homoj fariĝas pli kaj pli malfacila, eĉ preskaŭ superhoma tasko. Ni kore danku niajn amikojn en Vieno kaj simpatie kuraĝigu tiujn en Svislando!

*Edm. Privat.*



# XVIª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO VIENO ☆ 6—14 AŬGUSTO 1924



## Kunveno de UEA.

### Ĵaŭdo, 7 aŭgusto, 10,15 h.

D-ro *Privat* malfermas la kunsidon kaj prezentas la jaran raporton, resumante la ĉefajn punktojn (vidu la raporton de la Direktoro, presitan en la Kongresa Libro). Li anoncas la eksiĝon de S-ro Stettler kiel prezidanto kaj la decidon de la komitato elekti tiun fervoran pioniron de UEA kiel Honoran Prezidanton de la Asocio. Li legas telegramsaluton de S-ro Stettler, al kiu la kongreso respondas tuj per esprimo de bondeziro al plena resaniĝo kaj refortiĝo kun unuanima danko pro la longjara energia laborado.

Li konigas la nomojn de la nove elektitaj komitatanoj (vidu la Oficialan Informilon sur paĝo 13). La komitato ĵus balotis sian estraron kaj elektis kiel prezidanton D-ron Privat, kiel vicprezidanton S-ron Page el Edinburgh kaj kiel direktoron S-ron Jakob la ĝisnunan ĝeneralan sekretarion. Pri la ŝanĝo en la kontrakto de Helsinki interkonsente kun Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj, la komitato, per 21 voĉoj kontraŭ 1 decidis konfirmi la proponon de la Ĝeneva interkunsido.

La nombro de membroj kreskis de 6130 al 6300, do entute je proksimume 200 novaj aliĝoj, kiu certe estas ankoraŭ tro malrapida progreso. D-ro Privat insistas, ke la Esperantomovado neniam havos veran potencon ĝis nia universala asocio grupigos almenaŭ 10000 kotizantajn individuojn, kapablaj vivigi kaj vigligi sian internacian centron. Bela propagandilo kaj aliĝilo por UEA estas disdonata en la akceptejo. Ĉiu nealiĝinto, kiu partoprenas al la kongreso devus konsideri kiel honordevon korekti tuj la mankon.

S-ro *Fischer,* nova komitatano el Bucuresti, informas, ke neniu en Rumanujo rajtas esti ano de la nacia societo, nepagante samtempe kotizon al UEA. Li instigas la aliajn societojn fari same.

S-ro *Isbrücker,* nova komitatano el Hago, klarigas pri simila decido de la nederlanda societo, kiu enhavos nun naciajn kaj internaciajn membrojn, la lastaj estante aŭtomate anoj de UEA.

S-ro *Mangada-Rosenörn* el Hispanujo opinias, ke Esperantomovado estante tutmonda devus antaŭ ĉio havi unu fortan universalan asocion kaj ke la naciaj esperantistaroj devus grupiĝi en teritoriaj sekcioj de UEA.

S-ro *Varendonck* el Belgujo proponas, ke la tuta nomaro de la membroj de UEA estu aldonata al la Jarlibro de UEA.

D-ro *Privat* bedaŭras, ke jam la jarlibro de UEA ne estas portebla en la poŝo pro ĝia dikeco kaj avertas, ke tia presigo de listo kaŭzus grandan elspezon, ĝuste ĉar preskaŭ la triono de la membroj ŝanĝas ĉiujare.

S-ro *Kenn,* ĉina membro de UEA, deziras atesti pri la fidelaj servoj de la delegitoj de UEA, citante sian sperton en sia vojaĝo tra Jugoslavio, kie li absolute eĉ ne unu vorton komprenas de la enlanda lingvo.

D-ro *Privat* dankas S-ron Kenn kaj deziras transdoni tiun ŝatesprimon kaj la grandan senton de dankemo de la tuta asocio al ĉiuj ĝiaj delegitoj pro ilia sindona kaj homama agado dum la tuta jaro. Ilia modesta kaj ĉiutaga servado al eksterlandaj samideanoj formas ja altan moralan kaj praktikan valoron de nia afero.

S-ino *Ŝiŝmanova* el Sofia proponas, aldoni al la jarlibro geografian karton kun speciala kolora indiko de la lokoj, kie estas delegitoj. La prezidanto memorigas, ke tio ekzistis en antaŭaj jarlibroj kaj anoncas, ke la direktoro intencas restarigi la tradicion kiel eble plej baldaŭ.

S-ro *Krüger,* membro de UEA en Hamburg lernis la lingvon kiel maljunulo kaj instigas aliajn homojn fari la samon kaj utiligi la servojn de la tutmonda Universala Esperanto-Asocio. Post unuanima aprobo de la Administra Raporto la prezidanto fermis la kunsidon je 12ª horo.

---

## Solena malfermo, 10 aŭgusto.

Dimanĉon matene je la 10.30 h. en la plenplena vasta salonego de „Konzerthaus" la kongreso solene komenciĝis per ludo de orgeno kaj ĥora kanto de la himno „Espero".

D-ro *Dietterle,* prezidinto de la Dekkvina en Nürnberg, oficiale malfermas la Deksesan kaj proponas al aplaŭda akcepto de la ĉeestantoj la jenan estraron:

Prezidanto: D-ro *Minibeck,* ministeria konsilanto en Wien.

Vicprezidantoj: D-ro *Privat,* prezidanto de Centra Komitato, S-ro *Warden,* vicprezidanto de la Akademio, S-ro *Merchant,* prezidanto de K. R., redaktoro *Schröder,* direktoro *Schamanek,* S-roj *Aktarĝiev, Kamaryt,* D-ro *Steche, Deligny,* Pastro *Lajos, Filipetti,* P-ro *Bujvid.*

Ĝeneralaj sekretarioj: S-ro *Edmonds* (K. R.), S-ro *Kreuz* (UEA), S-ro *Smital* (L. K. K.).

Helpaj sekretarioj: S-ro D-ro *Halbedl,* S-ro D-ro *Blaas.*

D-ro *Minibeck* ekprezidas, dankas pro la honoro kaj faras la jenan paroladon:

**Saluton al vi esperantistoj el la tuta mondo!**

Vi akceptu mian sinceran dankon por la elekto kiel prezidanto de la Deksesa. Mi certigas vin, ke mi klopodas, plenumi mian taskon kiel eble plej bone.

La deksesan fojon la esperantistaro de la tuta terglobo kunvenis, por montri al la mondo, ke Esperanto, la plej taŭga solvo de l' problemo de universala mondlingvo, ne plu estas nura revo en la cerboj de malmultaj idealistoj, sed ke ĝi vivas, nutrita per la korsango de ĝia fidela anaro inter ĉiuj popoloj de la mondo, vivas, pli kaj pli etendante malgraŭ ĉiuj gravaj frapoj, kiujn batis la mondmilito al la universala interkompreniĝo.

Sed efektive, laŭ nia interna sento, ni kunvenis, por denove dankeme festi la mirindaĵon, pri kio rakontas la Biblio, kiel la pentekosta miraklo. — Kaj vere, se en ĉi tiuj tagoj pastroj, oratoroj, aktoroj parolas al anaro de pli ol kvardek diversaj nacioj kaj iliaj vortoj estas komprenataj de ĉiuj kaj elvokas la saman resonon en ĉiuj koroj, tiam vere estas elverŝita super ni la spirito de Dio, tiam ni sentas super ĉia monddoloro, super ĉia batalo de vivo, super ĉia mizero eton de tia gloro kaj de tia paco, kiu estas promesita al la homoj de bona volo.

Malproksima eble estas ankoraŭ la celo, sed ni vidas klare kaj distinge kondukantan la vojon al ĝi.

Ni Vienanoj estas sincere kaj korege dankemaj por tio, ke esperantistaro elektis por sia deksesa universala kongreso Aŭstrujon kaj precipe ties ĉefurbon Wien.

Ni do esperas, ke eĉ en la malmultaj tagoj vi konvinkiĝas, ke la ĉefurbo de la nova, malriĉa Aŭstrujo restis la sama, kia ĝi estis dum pli feliĉaj tempoj. — Kiel renkontejo de la popoloj sur iliaj vojoj de okcidento al oriento, de sudo al nordo, ĝi montras ankaŭ en ĉi tiuj tagoj paralele kun ĝia pragermana esenco, originalan stampon internacian, koncerne de la karaktero de ĝia loĝantaro, de ĝia arto kaj scienco. — Ĉi tia kurioza propreco efikas, ke Wien ŝatas ĉion fremdan kaj ke ĝi eble estas ŝatata de fremduloj.

Ke ĉi tio estas efektive tiel, kaj ke Wien kaj kune kun ĝi la tuta Aŭstrujo — kiel la plej elprovita ponto de la popoltrafiko en mezeŭropo — ĝojege akceptis la esperantistaron, ĉi tio pruviĝas la plej bone el tio, ke la prezidanto de l' aŭstruja federacia respubliko, Lia moŝto S-ro D-ro Mikaelo Hainisch, prenis sur sin la protektadon de nia kongreso.

Mi petas la kongreson, esprimi al Lia moŝto sinjoro prezidanto de la federacia respubliko la dankon por lia favoro per leviĝo de la seĝoj kaj per krio: Lia moŝto sinjoro prezidanto, li vivu, vivu, vivu!

Plue ĉi tio pruviĝas per la fakto, ke la sinjoroj ministroj por instruaj aferoj kaj por komercaj kaj trafikaj aferoj, same kiel la vicurbestro kaj la prezidanto de la urba konsilantaro por lernejoj de Wien prenis sur sin la honoran prezidantecon de kongreso kaj ke granda aro da eminentuloj de diversaj estraroj kaj korporacioj celantaj je popolklerigaj, komercaj kaj trafikaj aferoj eniĝis la honoran komitaton.

Al ĉiuj tiuj sinjoroj ni ŝuldas nian sinceran dankon. — Estas por mi granda honoro prezenti ĉi tiun dankon al la nomitaj sinjoroj kaj iliaj ĉeestantaj reprezentantoj.

Egalanime ni korege salutas la oficialajn reprezentantojn de jenaj ŝtataj registaroj: ĉina respubliko, ĉeĥoslovaka respubliko, germana respubliko, hispana reĝlando, nederlanda reĝlando, pola respubliko, rumana reĝlando, reĝlando de serboj, kroatoj kaj slovenoj kaj la oficialan senditon de la Internacia Ruĝa Kruco.

Apartan dankon ni ŝuldas ankaŭ al la Loka Komitato, kiu kun senlaca flamiĝo kaj fervoro, tiel bonege preparis nian feston internacian. — Iliaj nomoj, kiuj plej grandparte estas nesolveble kunligitaj kun la historio de Esperanto en Aŭstrujo kaj precipe en Wien, por ĉiam restas ensignitaj en niaj dankemaj koroj.

Sed la plej fidelan dankon ni ŝuldas al la viro, kiu donacis al ni nian lingvon, al la memoro de D-ro Ludoviko Zamenhof. Li malaperis de niaj okuloj kaj kun funebra koro ni sentas la foreston de lia kara bildo en nia rondo. — Sed lia spirito vivas inter ni kaj donas al ni la forton, progresi la vojon de li celitan.

Ni salutas lin en la plejamato, kion li postlasis sur la tero, en lia vidvino kaj filino, kiuj je nia granda ĝojo ĉeestas nian kongreson.

Kaj nun, tre estimataj gesamideanoj, lasu min danki ankaŭ al vi, kiuj vi ne timis la vojon al la kongreso parte el tre malproksimaj landoj, kaj finigi miajn enkondukantajn vortojn kun la deziro, ke la Deksesa inde aliĝu al siaj antaŭuloj kaj fariĝu nova limŝtono en la triumfa flugo de Esperanto tra la mondo. La semoj, semataj de ni en tiuj ĉi tagoj, leviĝu kaj disvolviĝu kaj alportu riĉajn fruktojn al ni kaj al nia sankta afero. (Aplaŭdo.)

Sekciestro D-ro *Ernst Horicky* salutas la kongreson en la nomo de la ĉefministro kanceliero Seipel kaj de la vickanceliero. La registaro de la Federacia Respubliko de Aŭstrio varme bonvenigas en la granda kulturcentro Vieno grandiozan manifestacion de interpopola alproksimigo.

La prezidanto dankas al la registaro kaj memorigante, ke la Prezidanto de la Respubliko akceptis la altan protektadon de la kongreso proponas sendi al li danktelegramon. (Akceptita per aplaŭdego.)

D-ro *Emmerling,* vicurbestro de Vieno, laŭdas la utilecon de Esperanto por la moderna internacia vivo teknika, radiotelefona trafiko ktp. kaj dankas pro la elekto de Vieno kiel kongresurbo.

P-ro D-ro *Suess,* Dekano de la filozofia fako, salutas germane kaj esperante la kongreson en la nomo de la Universitato de Vieno.

D-ro *Privat,* prezidanto de la C. K., dankas la Vienanojn pro la gastigo kaj diras la jenan paroladon:

Karaj gekongresanoj ĉiulandaj, kara sinjorino Zamenhof!

En via nomo mi dankas la esperantistojn kaj la aŭtoritatojn en Vieno pro la kora akcepto al ni ĉiuj. Tiu ĉi urbego estas ja grandioza. Je ĉiu paŝo staras imponaj palacoj en tiel granda nombro, ke la ideoj venas, kial kelkaj el ili ne utilus iam kiel sidejoj de novaj tutmondaj institucioj. Ni ja vivas en la centjaro de internacia organizo kaj nia malgranda Ĝenevo kun la Ligo de Nacioj, la Labor-Oficejo, la Ruĝa Kruco, ne povos ankoraŭ monopoli ĉion alian. Malfermiĝas por Vieno vasta kampo en la internacia vivo.

Tiun antikvan centron de intelekta kaj belarta kulturo hodiaŭ salutas amaso da ĉiulandaj vizitantoj, libervole venintaj ĉi tien por renkontiĝi kaj interfratiĝi en plena egaleco, eĉ lingva.

Promeninte tra la belaj stratoj de Vieno kaj admirinte tiom da historiaj konstruaĵoj, plenaj je vivaj rememoroj, mi pensis pri la pasinta tempo kaj pri la nuna.

En la mirinda katedralo de Sankta Stefano iam kunvenis sub la mallumaj arkaĵoj tiuj grandaj amasoj de mezaĝaj kavaliroj, forirontaj al batalo. En tiu tempo kavaliroj militis per la forto. Ĉe la pordego de Hofburg staras impone la statuo de l' prapatro de ĉiuj kavaliroj, la antikva hero-dio Herkuleso, venkanta la teruran multkapan hidron per la sola forto de l' brako. En la Vienaj keloj brilas la pentraĵo de Sankta Georgo mortiganta la flambuŝan drakon. Ili estis kavaliroj per la forto kaj fizika kuraĝo.

Sed la tempoj ŝanĝiĝis. Hodiaŭ la tuta homaro staras ankoraŭ en dolora funebro pro la ĵusa amasa intermortigado. La kavalirecon de l' forto oni trouzis ĝis tutaj popoloj interbuĉis sin en mondmilito. La homa familio estas plene naŭzigata pri tia trouzo.

La mondmilito mortigis ne nur milionojn da junuloj, ĝi ankaŭ mortigis la antikvan kavalirecon. La malnova periodo finiĝis dum la ĵusaj jaroj. Nova tempo nova epoko de l' homaro komenciĝis. Ankaŭ nova kavalireco.

La kavaliroj de la nova tempo ne estas plu la herooj de la forto kaj la brako. Ilin jam ne kovras brilaj armaĵoj arĝentaj aŭ oraj. Ilia mano jam ne tenas armilon feran. La novaj herooj estas la kavaliroj de l' ideo kaj de l' homamo. Ilia forto la spirito. Iliaj armiloj la konvinko kaj ekzemplo.

La mistera forto, kantata de Zamenhof, unuigas kaj dissendas ilin tra la tuta mondo por plenumi ilian taskon kaj antaŭenigi la homaron al pli da lumo, pli da paco, pli da justeco.

Unuj zorgas pri flegoj de vundoj sub nobla signo de la Ruĝa Kruco, aliaj pri forigo de maljustaĵoj sociaj, aliaj pri forigo de militoj interpopolaj, aliaj pri forgo de mortigaj antaŭjuĝoj aŭ malkomprenaj baroj. Unu aparta taĉmento havas la taskon, forigi la lingvan malfacilaĵon kaj ebligi pli da interkono, pli da simpatio, eĉ pli da amo inter homoj per disvastigo de helpa mondlingvo faciliga kaj egaliga. Tiu taĉmento estas vi ĉiuj, vi, kavaliroj de la Verda Stelo, kiel trafe nomis vin amiko nia el norda Latvio.

Nia Majstro Zamenhof, la ŝtabestro de tiu taĉmento, konsciis la tutan planon, la tutan celon de la ĝenerala militado de ĉiuj kavaliroj por la bono kaj la belo. Per lia penso, per liaj skribaĵoj ni povas kompreni la rilaton de nia taĉmento kun la ĝenerala progresigo de l' homaro, sed al ĉiu sufiĉas lia tasko. La nia estas tre klara: ni devas mortigi la malluman drakon de la malkompreno inter popoloj, ni devas disvastigi tiun lingvon en kiu vivas la juna spirito de l' nova homaro. Ni devas alporti fidele nian ŝtonon al la nova domo. La malnovaj tempoj devas ĉesi, la nova civilizo devas stariĝi, paca, klara, en plena lumo kaj internacia kompreno.

En sia fama „Libro de l' pilgrimanto", la granda pola poeto Mickieviĉ ja profetis, ke, kiam lia lando krucumita estos retrovinta sian unuecon kaj sendependecon, tiam ekstariĝus la ligo de ĉiuj popoloj de la tero. Ni klopodu, ke lia profetaĵo realiĝu plene, senescepte.

Kiuj el vi legis en nia esperanta literaturo la belan tradukon de la „Faraono" de Boleslav Prus, tiuj sendube memoras la vesperon, kiam la juna reĝo-dio staras alte sur la tegmenta teraso kaj aŭskultas, sub nokta ĉielo stelplena, la preĝojn de siaj landanoj, suprenirantajn al li tra la nokta aero. Jen patrino preĝas pro la infano mortanta. Jen kamparano pro la pluvo. Jen sklavo malfeliĉa pro sopirata ripozo.

Aŭdu vi la preĝojn kaj sopirojn de l' homaro, ĉiulanda, ĉiupopola. Aŭdu ilian korŝiran krion al paco. Aŭdu la sinceran petegon de l' patrinoj, ke neniam plu oni rabos iliajn idojn al buĉado. Aŭdu ĉies preĝon por pli da lumo, pli da egaleco, pli da justeco en homaj rilatoj. Tiam vi komprenos eĉ pli profunde la gravecon de via aparta tasko en la taĉmento de la kavaliroj de la Verda Stelo kaj vi laboros eĉ pli kuraĝe.

Vespere, kiam vi, junaj gepatroj, enlitigos viajn infanetojn kun blondaj aŭ brunaj kapetoj, vi igos ilin unu minuton pensi al ĉiuj ceteraj infanoj en la mondo, al la laponidoj sur norda blanka glacio, al la negridoj sub brulanta suno afrika, al ĉiuj knabetoj kaj knabinetoj sub la farmejaj tegmentoj de l' kamparo aŭ en la peza bruo de l' urbegoj kontinentaj, kaj kiam ili demandos vin pri tiu ĉi nia globo, vaganta tra la spaco inter milionoj da aliaj planedoj kaj steloj, vi respondos, ke ni vivas tro mallonge sur ĝi, por ke ni interbatalu.

Sekvas la alparoloj de la

## Oficialaj registaraj reprezentantoj.

Grafo *Lasocki*, ministro de pola respubliko en Vieno, salutas la kongreson en la nomo de la pola respubliko, memorigante, ke Zamenhof naskiĝis kaj vivis en tiu lando. Li deziras bonan sukceson al la kongreso.

D-ro *Dietterle* salutas en la nomo de la Germana Ministerio de la Interno.

Komandanto *Mangada-Rosenörn* salutas en la nomo de la hispana reĝlando.

S-ro *Isbrücker* salutas en la nomo de la Nederlanda registaro.

S-ro *H. Fischer* salutas en la nomo de la Rumana Ministerio por Komerco kaj Industrio.

S-ro *Morariu* salutas en la nomo de la Rumana Ministerio de Internaj Aferoj kaj de la Ĝenerala Direkcio de rumana polico, kiu ĵus decidis enkonduki Esperanton kiel solan lingvan studobjekton en la Centra Polica Lernejo en Bucureşti.

S-ro *R. Horner* salutas en la nomo de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, kiu jam la kvaran fojon sendas oficialan delegiton al niaj universalaj kongresoj.

S-ro P-ro *Krstmary* salutas en la nomo de la Internacia Blindula Kongreso okazanta samtempe en Esperanto kaj ĉe kiu partoprenas pli ol 100 blinduloj diverslandaj.

## Naciaj delegitoj.

Poste mallonge salutas ankaŭ en Esperanto la jenaj delegitoj de naciaj esperantistaroj, dirinte po unu frazo nacilingve en la komenco de ĉiu sia parolado.

*Aŭstralio:* S-ino Scammel, angle kaj esperante
*Belgujo:* S-ro Varendonck, flandre kaj esperante
*Bulgarujo:* S-ino Ŝiŝmanov, bulgare kaj esperante
*Ĉinujo:* S-ro Kenn, ĉine kaj esperante
*Ĉeĥoslovakio:* S-ro P-ro Kamaryt, ĉeĥe kaj esperante
S-ro P-ro Scholze, germane kaj esperante
*Danujo:* S-ro Blicher, dane kaj esperante
*Danzig (Liberŝtato):* S-ro Aeltermann, germane kaj esperante
*Estonio:* S-ro Tamverk, estone kaj esperante
*Finnlando:* F-ino Tamminen, finne kaj esperante
*Francujo:* S-ro Deligny, france kaj esperante
*Germanujo:* S-ro D-ro Steche, germane kaj esperante
*Granda Britujo:* S-ro Merchant, angle kaj esperante
*Hungarujo:* S-ro Pastro Lajos, hungare kaj esperante
*Italujo:* S-ro Patro Carolfi (kun saluto de Itala Regno kaj Komunumo de Milano), itale kaj esperante
*Jugoslavio:* S-ro Domac, kroate kaj esperante
*Latvio:* S-ro E. Grot, latve kaj esperante
*Litovio:* S-ro Medem, esperante
*Meksiko:* S-ino de Guerra, hispane kaj esperante
*Nederlando:* F-ino Westermann, deputitino de la nederlanda parlamento, holande kaj esperante
*Polujo:* P-ro Bujvid, pole kaj esperante
*Rumanujo:* Abato Ĉe, rumane kaj esperante
*Ruslando:* S-ro Markuse, ruse kaj esperante
*Skotlando:* S-ro Kennedy, skotangle kaj esperante
*Urugvajo:* S-ro Muñoz, hispane kaj esperante.

---

## Laborkunsido de Lundo, 11 aŭgusto.

La kunsido komencis precize je la 10-a horo.

Ĝenerala Sekretario S-ro *Edmonds* legas 58 salutteIegramojn kaj leterojn adresitajn al la kongreso.

S-ro *Warden*, vicprezidanto de la Akademio, prezentas la raportojn de la Sekcio por Gramatiko kaj de la Sekcio por Konkursoj kaj Premioj, kiu decidis post voĉdono de la akademianoj honori per premia cito la du jenajn verkojn por 1924:

Julio Baghy: „Preter la vivo“, originalaj poemoj;
Kolomano de Kalocsay: traduko de „Johano la Brava“ de Petöfi.

D-ro *Hanauer* (Berlin) insistas pri la neceseco de enciklopedia vortaro laŭ la metodo de Kabe kaj de teknikaj vortaroj sur bazo de la konataj vortaroj de Schlomann.

S-ro *Deligny* anoncas, ke la kuracista vortaro de S-ro Briquet estas tute preta.

S-ro *Eroŝenko*, docento ĉe la universitato de Pekin, atentigas pri tio, ke oni devas krei bazon por teknikaj vortaroj per difino de la jam uzataj oficialaj kaj neoficialaj vortoj.

S-ro D-ro *Halbedl* rimarkigas, ke estas unue necese publikigi bonajn tradukojn de gravaj popular-sciencaj verkoj, el kiuj la Akademio poste povos ĉerpi novajn vortojn kaj esplori kaj ekzameni ilin.

S-ro *Kenn* ankaŭ opinias, ke urĝe necesas zorgi pri la vortaroj. Li konsideras grava la aperigon de granda komuna vortaro kun difinoj en Esperanto.

S-ro *Warden* sciigas, ke la Akademio agas per sinsekvaj aldonoj al la universala vortaro de la Fundamento.

D-ro *Dietterle* laŭdas la imponan laboron de E. Wüster, kies enciklopedia vortaro eĉ ne trovis 100 subskribantojn por kuraĝigi la eldoniston kaj la aŭtoron. Se la esperantistaro ne estas kapabla kompreni la gravecon de tia laboro, kiel ĝi povas iel postuli plenan sukceson de nia lingvo?

S-ro *Jost* atentigas, ke la lingvo servu unue al la popolo kaj poste al la scienculoj. Li do rekomendas rilate la eldonon de vortaroj prefere sekvi la sistemon Kabe.

D-ro *Dietterle* rimarkigas, ke ankaŭ la scienca kolektado de ĉiuj formoj uzataj estas tre valora kaj ke S-ro Wüster ĝuste donas al ni la tutan materialon ĉiam indikante la diversajn fontojn.

S-ro *Glück* subtenas la vidpunkton de S-ro P-ro Dietterle kaj nur bedaŭras, ke la vortaro de Wüster donas la difinojn germane anstataŭ esperante.

S-ro *Grot* laŭdas la perfektecon de la vortaro de Wüster, sed bedaŭras la altan prezon.

S-ro *Delanoue* informas, ke li prilaboras bankfakan vortaron en Esperanto. Samtempe estas preparata listo de komercaj fakterminoj. S-ro Rollet de l' Isle prilaboras radio-vortaron.

S-ro *Mangada-Rosenörn* ankaŭ admiras la vortaron de Wüster kaj ankaŭ bedaŭras, ke la difinoj de tiu vortaro ne estas faritaj en Esperanto. Li rekomendas laŭfundamentan elekton de diversaj formoj.

S-ro *Jost* opinias tamen urĝa, ke eldonisto kiel ekzemple Hirt en Leipzig tuj aldonu novan specon de Kabe-vortaro, por eviti senutilan diskreon de diversaj formoj.

S-ro P-ro *Dietterle* ne timas tiom, kiom S-ro Jost kaj opinias, ke oni ne povas fari klaran diferencon inter kvazaŭ popola kaj intelekta lingvo. Cetere tia diskuto ne devus longiĝi en ĝenerala kongreso, sed aparteni prefere al fakuloj.

S-ro *Isbrücker* proponas fermon de la diskuto (akceptita).

D-ro *Privat* konstatas, ke la Sekcio por Teknikaj Vortaroj ne prezentis raporton kaj esprimas la deziron, ke ĝi faru tion estonte por montri la grandan gravecon de la tuta afero pri teknikaj vortaroj kaj ilustri la ĝeneralan deziron de la esperantistaro rilate al tiu ĉi afero, K. R. kaj UEA ĵus decidis proponi al konfirmo de la naciaj societoj kaj de UEA la elekton de S-ro Rollet de l' Isle en la Centran Komitaton. Li ja estas samtempe direktoro de la sekcio por teknikaj vortaroj kaj la Centra Komitato esperas, ke oni povos repreni la ideon kunvoki kelkajn scienculojn en Parizo por akceli kaj diskuti la tutan demandon pri teknikaj vortaroj kun reprezentantoj de la Akademio.

La jena rezolucio de D-ro Hanauer estas akceptita:

*La kongreso petas, koncerne la teknikaj vortaroj, la inĝenierojn kunsidontajn dum la kongreso, ke ili faru al la Akademio proponon, laŭ kiu oni alproksimiĝu al la uzado de Esperanto en la teknikaj internaciaj interrilatoj.*

S-ro *Warden* prezentas la lastan raporton de la Konstanta Kongresa Komisiono, kiu funkciis ĝis la hodiaŭa tago, kaj interkorespondis kun la Loka Komitato en Vieno pri kongreskotizoj, ĝeneralaj aranĝoj ktp. La sperto permesas konstati, ke la provita ŝanĝo de la tradicio rilate al la programo ne estas tute kontentiga kaj ke estonte estos pli bone remeti la solenan malfermon jam tute en la komencan tagon de la kongreso. S-ro Warden ankaŭ bedaŭras, ke la L. K. K. ne enpresis lian raporton en la kongresan libron. Li sendis ĝin al S-ro Schröder kaj devis doni novan kopion alveninte, por ke ĝi aperu en la Kongresa Bulteno.

S-roj *Schröder* kaj *Schade* atestas, ke la raporto ne alvenis kaj plendas, ke granda nombro da leteroj por privataj kongresanoj same mankas pro la fakto, ke Vieno estas dividita en numeritaj kvartaloj kaj ke sufiĉas manko de numero sur adreso, ke letero kuru de unu poŝtoficejo al alia.

D-ro *Privat* bedaŭras, ke S-ro Warden ne sendis sian raporton aŭ almenaŭ unu kopion de ĝi ankaŭ al Ĝenevo por la C. K., kiu estus nepre certiginta la presigon de la raporto kun la aliaj. Jam kiel vicprezidanto de K. K. K. li estus devinta ricevi kopion de la raporto. Nun ĝi aperis en la Kongresa Bulteno kaj S-ro Warden ĵus resumis ĝin. Ankaŭ „Esperanto“ ĝin presigos volonte.

S-ro *Warden* opiniis, ke K. K. K. estas tute sendependa de la C. K.

S-ro *Jost* komprenis ĉiam, ke la K. K. K. estas subkomisiono de C. K. laŭ la kontrakto de Helsinki, kiu ankaŭ antaŭvidas ordon de la kongres-programo kun solena malfermo de la kongreso en la komenco.

S-ro *Pivl* proponas, ke la junuloj malpli aĝaj ol 21 jaroj pagu nur la duonon de la kongresa kotizo, ĉar nehavante profesion la lernantoj kaj studantoj ne povas facile ŝpari la necesan sumon por partopreni.

S-ro *Warden* ne opinias ebla diferencigi la kongresanojn laŭ aĝo. Oni devas ankaŭ pensi al la financaj ŝarĝoj de la organizantoj kaj ne kaŭzi deficiton.

S-ro *Glück* subtenas la ideon de S-ro Pivl por kuraĝigi la junularon.

D-ro *Trögel* ankaŭ subtenas ĝin kaj proponas, ke oni havigu eĉ senpagajn loĝejojn por junuloj kiel jam farita en Nürnberg.

S-ro *Wiesenfeld* kontraŭas la proponon pro financaj kaŭzoj

La prezidanto demandas, ĉu la proponinto kontentiĝus per rekomendo de la kongreso al la C. K., ke ĝi petu la venontan L. K. K. ekzameni la aferon kaj vidi, ĉu ne estas eble faciligi la aliĝon de junuloj laŭ praktika maniero.

S-ro Pivl konsentas. La rekomendo estas unuanime akceptita

S-ino *Ŝiŝmanova* plendas pri pasportaj aranĝoj.

S-ro *Wiesenfeld* klarigas similan malfacilaĵon de poloj kaj transdonas leteron al la L. K. K.

S-ro *Schade* sciigas, ke la L. K. K. klopodadis energie pri la pasportaferoj. Ĉefa malfacilaĵo estas, ke la pasportkondiĉoj estas afero de opaj ŝtatoj. Oni povas nur sukcesi pri faciligoj per klopodoj en la koncerna lando.

S-ro *Edmonds* raportas pri la agado de Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.) dum la pasinta jaro kaj resumas la raporton aperintan en la kongresa libro sur paĝo 35, memorigante pri la sistemo laŭ la kontrakto de Helsinki. La kongreso tiam unuanime rekomendis, ke estonte la esperantistoj komisiu siajn organizajn aferojn ne plu al hazardaj ĉeestantaroj de la kongresoj, sed al ĉiuj organizitaj societoj de la esperantistaro per duobla aranĝo: Unuflanke UEA, kiu grupigas ĉiujn kotizantajn individuojn en la tuta mondo kaj duaflanke la naciaj societoj sendantaj po unu reprezentanto en la K. R. Tiuj du reprezentaj korporacioj UEA kaj K. R. subskribis, laŭ la rekomendo de Helsinki, la tiel nomitan kontrakton de Helsinki. La normala funkciado komencis nur post tiu subskribo de la du kontraktintoj kaj iliaj reprezentantoj kunsidis en Ĝenevo lastan aprilon kaj en tri tagoj de intensa kunlaborado, solvis multajn gravajn demandojn de propagando kaj organizo. Dudeko da naciaj societoj nun regule kotizas; por 1923 kaj por 1924 la K. R. povos meti al la dispono de la C. K. jaran elspezon de almenaŭ 60 anglaj funtoj (1500 svis. frankoj). Espereble tiu sumo, ankoraŭ tre malgranda, pligrandiĝos iom post iom kiam la naciaj societoj pli kutimiĝos al la nova aranĝo.

S-ro *Edmonds* poste anoncas, ke la naciaj societoj unuanime, krom unu sindeteno, per skriba voĉdono konfirmis la proponon de la Ĝeneva interkunsido forigi la Konstantan Komitaton de Kongresoj, kiu fakte ne akceptis sian rolon de subkomitato al C. K. laŭ la kontrakto de Helsinki kaj kiu pezigas de jaro al jaro nekonatajn deficitojn de antaŭaj kongresoj sen ia publikigo de kontoj. La nova organizo neniel povas sukcese funkcii kun tia peza ŝarĝo kvazaŭ eksterleĝa. Ĉar la komitato de UEA ankaŭ voĉdonis konfirmon, la decido estas nun definitiva.

S-ro *Warden* opinias, ke nek K. R. nek UEA havas la rajton ŝanĝi la antaŭan sistemon kaj antaŭan regularon de kongresoj antaŭ ol la kongreso mem decidis pri tio. Ekzistas ankoraŭ la „Fundamentaj Dokumentoj“, kiuj valoras ĝis ili estos formale nuligataj de kongresa decido. Eĉ la dokumento de Helsinki estis nur rekomendo kaj estis la devo de la C. K. prezenti tute novan statuton laŭ la rekomendo de la kongreso, ke oni revizu la antaŭajn regularojn. Cetere la antaŭa sistemo estis multe pli demokrata ol tiu, kiun oni proponas nun, ĉar povis diskuti kaj voĉdoni ĉiu ajn kongresano, dum oni per la dokumento de Helsinki volis doni la decidpovon nur al UEA kaj al la Naciaj Societoj. Estas necese, ke la kongresoj havu la okulojn larĝe malfermatajn pri la fakto, ke ili forprenus de si ĉiun rajton de decido, se ili akceptus la novan aranĝon. Tamen, se la kongreso konscias bone, kion ĝi faras, ni devos akcepti ĝian decidon kaj la C. K. devos prezenti antaŭ la venonta kongreso tekston de nova regularo.

D-ro *Privat* respondas, ke la kontrakto de Helsinki fariĝis laŭleĝa de la momento kiam la du kontraktintoj ĝin subskribis: UEA kaj la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.). Al ili nun kaj nur al ili apartenas la rajto ĝin ŝanĝi, se ili deziras. Sed montriĝis, ke ili antaŭ ĉio volas ĝin funkcigi ĝuste, por ke pli demokrata sistemo regu en niaj aferoj. La antaŭa metodo ŝatata de sinjoro Warden konsistis en tio, ke, se la kongreso okazus ekzemple en Pekin la ĉinaj esperantistoj decidus pri ĉio. Se ĝi poste okazas en Sao Paulo la sudamerikaj esperantistoj povus ĉion renversi ktp. Ne estas bone, ke niaj aferoj estu balancataj laŭ hazardo de la geografio aŭ riĉeco de vojaĝantoj, pro tio la kongreso de Helsinki deziris, ke ĉiuj esperantistoj kotizantaj, ĉu al iu ajn nacia societo, ĉu al nia universala asocio povu tute trankvile kaj regule dum la tuta jaro decidi pri aferoj per kunsidoj kaj skribaj voĉdonoj kiel en ĉiu alia grava movado. Por obei al la rekomendo de la kongreso en Helsinki la C. K. prezentis novan projekton de regularo, diskutota morgaŭ kaj jam disdonita al ĉiuj kongresanoj senpage. Post eventualaj kritiko, ŝanĝo kaj finaprobo de tiu regularo la C. K. devos publikigi libron entenantan la Deklaracion de Bulonjo, la Kontrakton de Helsinki, la Statuton de UEA, la Regularon de K. R. (kiun ĝi faru mem) kaj la novan Regularon de la Kongresoj. Tiam ĉio estos klara kaj en bona ordo.

S-ro *Poncet* memorigas, ke decido de la kongreso en Helsinki estis unuanima kaj ke sinjoro Warden ĝin ankaŭ subtenis. Oni do ne devus reveni malantaŭen kaj oni ankaŭ ne povus, ĉar de nun la naciaj societoj kaj UEA ricevis laŭleĝe la decidrajton.

S-ro *Degen* proponas fermon de la diskuto kaj prezentas la jenan rezolucion:

*La Deksesa Kongreso en Vieno deklaras, ke pro la definitiva ekfunkciado de la oficialaj institucioj laŭ la kontrakto de Helsinki, la decidpovo kaj la solvo de organizaj demandoj apartenas de nun al la rajtigitaj organizaĵoj de la esperantistaro, UEA kaj Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj (K. R.), kiuj havas la devon ilin prizorgi kaj tial la kongreso rekomendas, ke oni ne plu ŝarĝu per ili la tagordon de la universalaj kongresoj.*

Akceptita, unuanime krom 6 voĉoj.

S-ro *Glück* anoncas diversajn fakkunsidojn kaj la kunsido finiĝas je la 1a horo.

## Kunsido de Mardo, 12 aŭgusto.

La kunsido komencas je la 10a horo matene. Laŭ la tagordo, D-ro *Privat* prezentas raporton de la C. K. kaj petas korekti preseraroјn en la teksto presita en la kongresa libro. Tiu raporto estas raporto ne sole de la prezidanto, sed de ĉiuj 6 anoj de la C. K., kiuj interkonsentis pri tiu teksto. La raporto klarigas la aferon de la elekto de Vieno kiel kongresurbo, poste informas pri la teknika konferenco de Radio kaj la Internacia Ekonomia Kongreso en Lyon, kie nia interveno akceptigis ambaŭokaze ne nur favorajn rezoluciojn, sed ankaŭ sukcesan uzon de nia lingvo.

La diversaj fakoj de la C. K. laboris kaj krom la internacia propagando ekzistas ankoraŭ la financa, la instrua kaj statistika, la gazetara, la interna kaj la reprezenta fakoj.

S-ro Page prezentis la bilancon de la Centra Kaso. Ĝi aperis en la kongresa libro (vidu paĝon 34). Modesta, sed bonorda la bilanco de S-ro Page montras, ke la C. K. ne ricevis multe da mono, sed ankaŭ ne elspezis multe. La venontan jaron la enspezo estos iom pli, ĉar tiam kalkuliĝos la kotizoj pagitaj al K. R. de la naciaj societoj, entute proksimume 76 anglaj funtoj, do 1750 sv. fr. Per tiel malgranda sumo C. K. ne povos dungi propran oficiston. Ĝi devos ankoraŭ prunti de UEA la necesan oficejan helpon, sed ĝi povus iom subteni ĉefajn aferojn de internacia propagando, kaj daŭrigi sian pagon al la Akademio por ties funkciaj elspezoj. Dankante al la esperantistoj, kiuj donacis sumojn al la C. K. la prezidanto esprimas la esperon, ke la esperantistaro estos kontenta, vidi la unuan fojon regulan konton, prezentitan de oficiala institucio.

S-ro Hromada interkonsentis kun diversnaciaj gazetservoj por starigi bonan internacian organizon kaj funkciantan centron sur tiu kampo.

P-ro Dietterle preparas seriozan enketon kaj precizajn demandarojn por kompletigi la statistikon de nia movado. La esperantistoj devos kompreni, ke estas ilia intereso ricevi ĝustajn ciferojn kaj dokumentojn pri nia movado en ĉiuj landoj. Tio povas okazi nur se ankaŭ ili ĝuste kaj akurate respondas al la demandaroj pri statistiko. En Ĝenevo la interkunsido de K. R. kaj UEA komisiis la C. K. refunkciigi la antaŭmilitan „*Internacian Instituton de Esperanto*" kaj restarigi ĝin kun eventuale nova statuto kaj kun gvidkonsilantaro entenanta po unu reprezentanto de ĉiu nacia esperanta instituto aŭ ekzamenkomisiono.

S-ro Kenn, la ĉina membro de C. K., bonvolis reprezenti oficiale la C. K. en kelkaj naciaj Esperanto-Kongresoj (hispana, rumana, bulgara ktp.) Liaj vojaĝoj estas tre utilaj, ĉar ne nur tio kuraĝigas la esperantistojn, sed ankaŭ la publiko tre interesiĝas, konstatante, ke ĉino povas paroli nian lingvon kaj eĉ fari kiel en Bukureŝti prelegon pri ĉina literaturo al universitataj studantoj.

S-ro Chavet bedaŭrinde eksiĝis el ĉiuj siaj esp. oficoj pro tro granda profesia okupateco. La C. K., akceptante lian eksiĝon, dankis lin en la nomo de la tuta esperantistaro por la grandaj servoj faritaj, ĉefe antaŭ la milito. En sia kunsido dum ĉi tiu kongreso K. R. decidis proponi al skriba voĉdono konfirmi la elekton de S-ro Rollet de l'Isle por anstataŭi S-ron Chavet. UEA konsentis principe, ke franco anstataŭu la ĝisnun sidintan francon, sed rezignis pri propono de nomo. Ĝi do volonte konsentos la proponon de K. R.

Tiamaniere la C. K. enhavos inter si samtempe la direktoron de la sekcio pri teknikaj vortaroj de la Akademio kaj tio plejbone ilustros la fortan deziron de la Esperantistaro, ke tiu ĉi parto de nia laboro progresu. De ĉiuj flankoj montriĝas tiu deziro kaj la hieraŭa diskuto ĝin speciale akcentigis. La ses fakestroj de C. K., ĉirkaŭos sin de kompetentuloj; tiamaniere D-ro Dietterle havos ĉirkaŭ si la gvidantojn de institutoj, S-ro Hromada la gvidantojn de gazetservoj ktp.

Estas rimarkinde, ke en Ĝenevo la interkunsido de K. R. kaj UEA antaŭ ĉio diskutis gravajn propagandajn aferojn kaj dediĉis nur tre malgrandan parton de sia tempo al organizaj demandoj. Tio estas ja gratulinda kutimo. Tamen, kiel klarigis jam la sekretario de K. R. hieraŭ, multaj reprezentantoj de naciaj societoj plendis pri la sinteno de K. K. K., manko de kontoj, rifuzo akcepti la novan situacion laŭ la kontrakto de Helsinki ktp. La C. K. en sia granda plimulto ne deziris la forigon de K. K. K., sed nur la aplikon de la kontrakto de Helsinki, laŭ kiu ĝi estas speciala subkomitato de la C. K. kun aparta tasko kolekti la spertojn de antaŭaj kongresoj. La naciaj reprezentantoj opiniis, kontraŭ la opinio de C. K., ke estus neeble devigi la ĝisnunan K. K. K. akcepti la situacion kaj ŝanĝi la ĝisnunan metodon. Ankaŭ ili opiniis, ke ne estas plu permeseble, ke la profitmono de la kongresoj ĉiam iru for por pagi antaŭajn deficitojn aŭ iajn nekonatajn ŝuldojn, pri kiuj ekzistas neniaj publikaj kontoj. Ili do unuanime proponis submeti al skriba voĉdono de la naciaj societoj kaj de UEA la forigon de tiu K. K. K. por igi la novan situacion pli klara. La C. K. ricevis antaŭ du tagoj leteron de K. R. kaj dokumenton de UEA anoncantajn, ke ambaŭ korporacioj per skriba voĉdono konfirmis la decidon. La naciaj societoj unuanime, krom unu sindeteno kaj la Komitato de UEA per 21 voĉoj kontraŭ unu.

Sekve de tiu decido kaj ankaŭ sekve de la rekomendo de la kongreso en Helsinki la C. K. devis prezenti al la kongreso novan regularon de la kongresoj. Ĝi tion faris prenante la malnovan regularon, akceptitan post Bulonjo kaj reviziante nur kelkajn paragrafojn laŭ zorge studita projekto de S-ro Page, kiu estas ja la juristo de C. K. Tiu projekto estis disdonata senpage al ĉiuj kongresanoj kune kun la kontrakto de Helsinki kaj la oficiala tagordo. La C. K. petas la kongreson libere kaj senĝene kritiki tiun projekton kaj fari en ĝi ĉiujn ŝanĝojn deziratajn. Poste estos definitiva teksto, starigota post aprobo de la kongreso kaj ĝi povos esti enmetata en la novan libron de la fundamentaj dokumentoj.

Ankaŭ pri la tuta agado kaj pri la kontoj de la C. K. oni libere kaj senĝene diskutu kaj kritiku. Ni estas junaj homoj kaj neniel ofendiĝos pro iu ajn kritiko aŭ eĉ riproĉo. Do neniu silentu pro sinĝeno aŭ malkuraĝo. Ĉiu kongresano rajtas plenlibere demandi aŭ eĉ mallaŭdi.

S-ro *Poncet* proponas, ke oni unue diskutu la raporton de C. K. pri ĝeneralaj aferoj kaj nur poste la tekston de la regularo. La prezidanto konsentas.

S-ro *Grot* bedaŭras, ke oni aranĝis la kunvenojn pri gazetservo dum aliaj fakkunsidoj. Pri ekzamenoj li demandas, kio okazis.

D-ro *Privat* respondas, ke ekzamenoj laŭ la malnova sistemo okazis unu tagon antaŭ la kongreso kaj naŭ kanditatoj sukcesis pri ili.

S-ro *Hromada* respondas, ke ne estas eble fiksi ĉiujn fakkunsidojn je iu ekskluziva horo. Poste li klarigas pri la tuta proponata funkciado de la gazetservo kaj ankoraŭ alvokas al la naciaj organizaĵoj por gazetinformado, ke ili ĉiuj sin turnu al li por ricevi la detalan instrukciaron. (Adreso de S-ro R. Hromada, 333 Sochařska, Praha VII).

La prezidanto dankas al S-ro Hromada por la jam farita laboro kaj esprimas la esperon, ke lia alvoko ne perdiĝu. La gazetaro estas nia plej grava ekstera kampo de propagando kaj ĝi meritus la tri kvaronojn de nia tuta atento.

D-ro *Spielmann* rekomendas, ke oni ne donu novaĵojn pri aferoj antaŭ ol ili okazis, sed nur poste kun la precizaj rezultatoj. Kolektinte 13000 subskribojn el 36 landoj por petskribo al Universala Poŝta Kongreso li transdonis la tutan dokumentaron per oficiala vojo. La kongreso de la Universala Poŝta Unio en Stockholm ankoraŭ kunsidas kaj ne estas jam eble koni la rezultaton.

S-ro *Poncet* petas, ke oni ne raportu pri nuligo de la cirkulero Bérard, ĝis kiam ĝi estos oficiale nuligita. Kiel diris S-ro Deligny en la solena malfermo la sola oficiala fakto jam anoncebla estas, ke kvar francaj ministroj, S-roj Herriot, Godart, Daladier kaj Dalbiez akceptis honoran membrecon de la Franca Societo por propagando de Esperanto. Tuj kiam la cirkulero estos nuligita, ni faros oficialan gazetinformon kaj sendos ĝin al la fako de C. K. Ĝenerale pri propagandaj aferoj, ĉiu nacia societo konservu la plenan liberecon kaj gvidadon de siaj enlandaj aferoj. Se la C. K. havas iun planon por iu interveno en unu lando, estus rekomendinde, ke ĝi antaŭe interkonsentu kun la tiea nacia societo. Ekzemple, se la C. K. estus demandinta la grupon de Lyon pri la Internacia Ekonomia Kongreso, kiu kunsidis en tiu urbo, ĝi estus ricevinta informon, ke interveno tie valoras nek la penon, nek la tempon. Plej grava en la vizito de D-ro Privat en Lyon estis lia interparolo kun S-ro Herriot antaŭ ol ĉi tiu fariĝis ĉefministro. La naciaj gazetservoj ricevis pri tiu interparolo tre akuratan informon, sed malfeliĉe multaj esperantistoj ĝin poste pligrandigis aŭ aliformigis, kio estas bedaŭrinda. S-ro Poncet proponas, la jenan deziresprimon:

> *La kongreso esprimas la deziron, ke la oficialaj institucioj, C. K., K. R. kaj UEA ne sin miksu al propagandaj klopodoj ĉe iu landa aŭ urba institucio sen peto de la koncernaj nacia societo kaj loka grupo aŭ almenaŭ sen antaŭa plena interkonsento kun ili.*

D-ro *Privat* diras, ke la C. K. ne povas akcepti tian deziresprimon, se oni ne aldonus la vorton „nacia" al „propaganda klopodo", ĉar estas la devo de C. K. interveni senprokraste en ĉiuj aferoj de internacia propagando. Tiel estis ekzemple ĉe la Internacia Ekonomia Kongreso en Lyon, kies organizanto ne estas en bonaj rilatoj kun kelkaj personoj de la Lyona Grupo. La rezolucio de tiu kongreso favore al Esperanto multe utilis en ceteraj landoj kaj se la C. K. estus atendinta detalan respondon de la grupo en Lyon nenio estus farita. Same pri la vizito al S-ro Herriot, kiu estas persona konato de la prezidanto de C. K. Tiu vizito ĉefe celis, ke la estonta ĉefministro de Francujo haltigu la malfavoran agadon de la franca registaro kontraŭ ni en la Ligo de Nacioj kaj ankaŭ en diversaj landoj per siaj diplomataj agentoj.

S-ro *Poncet* tute ne volis kritiki la viziton mem, kiu estis tre utila kaj kiu okazis en ĉeesto de francaj esperantistoj, sed li bedaŭras, ke oni publikigis informon pri ĝi kaj tiel riskis aliformigojn de neprudentaj esperantistoj. Feliĉe la afero ne malutilis, ĉar S-ro Herriot poste akceptis la honoran membrecon de la Franca Societo de Propagando por Esperanto.

D-ro *Privat* bedaŭras, ke esperantistoj ne scias represi akurate informojn. Post la vizito li duan fojon estis ĉe S-ro Herriot kaj montris al li tekston de la publikigota gazetinformo por ricevi lian permeson. Ĉio estis do plej regula kaj orda. Se oni ne estus publikiginta informon, la esperantistoj estus tamen sciintaj pri la vizito kaj rakontus ankoraŭ pli fantaziajn aferojn pri ĝi.

S-ro *Pitlík* opinias, ke oni devas mildigi la tekston kaj ne nur akcepti la vorton „naciaj", sed ankaŭ anstataŭi la vortojn „post interkonsento" per „post prenita informo".

S-ro *Glück* opinias, ke oni ne devas haltigi la agadon de C. K. per senutilaj embarasoj. Ĝi ja estas ofte pli profunde informata pri gravaj aferoj kaj ĉefe pri internaciaj ol la naciaj societoj. Ĝi devas esti plene libera interveni rapide.

S-ro *Dubois* proponas, ke oni aldonu la vorton „por la internaciaj aferoj post interkonsiliĝo kun la nacia societo".

S-ro *Erošenko* malaprobas la tutan rezolucion kaj proponas la fermon de la diskuto.

S-ro *Poncet* legas la reviziitan tekston kun la proponitaj mildigaj esprimoj, kiujn li akceptis.

*Per voĉdono la rezolucio estas malakceptata per plimulto.*

S-ro *Kutzli* proponas, ke la C. K. instigu la diversajn societojn kaj grupojn al energia atako kontraŭ la blufa kalumniado de Esperanto komencita de kontraŭuloj de nia movado.

D-ro *Privat* anoncas, ke S-ro Feith faris detalan proponon pri tio al K. R. kaj S-ro Edmonds povos ĝin diskonigi al ĉiuj naciaj societoj kun rekomendo.

S-ro *Grenkamp* atentigas, ke kelkaj naciaj delegitoj en siaj salutparoladoj dum la malfermo de l' kongreso profitas la kongreson por iel propagandi pri sia nacio aŭ pri komerca aŭ turista afero. Li petas, ke oni malkonsilu tion.

S-ro *Morariu* opinias, ke C. K. devus severe postuli de la naciaj gazetservoj, ke ili neniel ŝanĝu la tekstojn de precizaj oficialaj informoj, dissenditaj de la C. K. Al tiuj oficialaj komunikoj oni ĉiam povus aldoni iajn privatajn pliklarigojn ne presotajn.

D-ro *Privat* certigas, ke malgraŭ la rifuzo de la rezolucio, la C. K. certe ankoraŭ pli atentos pri tiu ĉi afero kaj li dankas la kritikintojn, ke ili tute senĝene kaj libere parolis. Tio estas la sola maniero instrui nin reciproke.

## Diskuto pri la kongresa regularo.

La prezidanto petas la kongresanojn atente sekvi la legadon de la teksto sur la disdonitaj folioj.

S-ro *Wiesenfeld* demandas, ĉu oni povas proponi ŝanĝojn.

La prezidanto respondas, ke tio ja estas la celo de la tuta diskutado.

S-ro *Erošenko* demandas pri la signifo de la vortoj: „tiu ĉi regularo nuligas ĉiujn antaŭajn".

La prezidanto respondas, ke laŭ prava opinio de S-ro Warden estas necese klare indiki, ke la antaŭa kongresa regularo ne plu valoros post akcepto de la nova. Pro tio la C. K. decidis enmeti tiujn vortojn, tiamaniere, ke ĉio estu definitive klara.

S-ro *Wiesenfeld* proponas, ke post la vorto „ĉiu persono" oni uzu la pronomon „ĝi" kaj ne „li", kiel en la teksto.

S-ro *Warden* rimarkigas, ke tiu teksto estas laŭvorta cito el la Deklaracio de Bulonjo kaj ke Zamenhof mem ĝin skribis kun „li" kaj ne „ĝi" por esprimi personon.

S-ro *Wiesenfeld* petas, ke oni enskribu en la protokolon, ke li rezignis al la ŝanĝo nur pro respekto al la memoro de D-ro Zamenhof.

S-ro *Delanoue* petas permeson fari ĝeneralan rimarkon pri la afero de K. K. K. okaze de la diskuto de la regularo, artikolo 1.

*La prezidanto* respondas, ke jes, se S-ro Delanoue volas aludi al la vortoj, „kiuj nuligas la antaŭajn regularojn".

S-ro *Delanoue* bedaŭras la forigon de la sendependa Konstanta Kongresa Komitato. Tiu forigo povus ŝajni kvazaŭ ofendo al la honorindaj maljunaj pioniroj de nia movado, kiuj sidis en ĝi dum longaj jaroj. Unu el ili Generalo Sébert donis grandajn sumojn da mono al nia movado antaŭ la milito. La alia, S-ro Warden, povus promesi, ke li donos antaŭ la venonta kongreso precizajn informojn pri tio kaj ankaŭ pri la kontoj de la Centra Kaso de K. K. K. S-ro Delanoue proponas, ke la C. K. demandu S-ron Warden, ĉu li estas preta akcepti tian proponon kaj petas la C. K. voĉdonigi pri la jena rezolucio:

*„Konsiderante, ke la simpla forigo de la sendependa K. K. Komitato kaj ĝia anstataŭo per la dependa K. K. Komisiono estas ofendiga kontraŭ ĝiaj anoj,*

*Konsiderante, ke unu el la kuratoroj de la Kaso de la Kongresoj, S-ro Warden, formale promesas sciigi kiel eble plej rapide — kaj ĉiuokaze antaŭ la fino de venonta septembro — la ĝustan situacion de tiu kaso,*

*La XVI. Universala Kongreso esprimas la deziron, ke estu simple restarigata la sendependa Konstanta Kongresa Komitato, kondiĉe ke la ĝusta situacio de la kontoj de la sinsekvaj universalaj kongresoj estu konigata antaŭ la fino de venonta septembro kaj tuj poste publikigata."*

*La prezidanto* legas la rezolucion Degen, akceptita hieraŭ kaj konstatas, ke la propono de S-ro Delanoue egalas ne nur al nuligo de tiu rezolucio, sed ankaŭ al nova ŝanĝo en la kontrakto de Helsinki, ĉar jam la kontrakto forigis la sendependecon de la K. K. K., igante ĝin subkomitato de C. K. Tamen pro ĝentileco al nia franca samideano kaj por respondi al lia elokventa alvoko, la kongreso povus remalfermi ankoraŭ unu fojon, sed lastan fojon tiun ĉi tutan aferon, diskuti la proponon de S-ro Delanoue kaj poste formale voĉdoni.

S-ro *Mangada-Rosenörn* alte estimas kaj respektas la maljunajn pionirojn de nia movado, sed opinias, ke ne estas ĝenerala kutimo de la kongresoj reveni je jus deciditaj aferoj kaj eterne rekomenci ĉion. Dum tri jaroj la afero estis pristudita kaj la nova aranĝo esprimas la fortan deziron de la granda plejmulto de la esperantistaro vidi ordon kaj klarecon en la aferoj.

D-ro *Halbedl* samopinias.

S-ro *Jost* konstatas, ke efektive K. K. K. ne bone funkciis kaj bedaŭras ekzemple, ke ĝi permesis al la L. K. K. en Vieno meti la malfermon de la kongreso preskaŭ je la fermo. Ĝi devus nur esti subkomitato de la C. K.

S-ro *Isbrücker* petas fermon de la diskuto kaj tujan voĉdonigon.

*La prezidanto* opinias, ke S-ro Isbrücker havas la laŭleĝan rajton proponi la fermon de la diskuto, sed insistas, ke li rezignu je tio kaj tamen permesu, ke la diskuto tute libere kaj eĉ longe daŭru, se necese pro respekto kaj ĝentileco al aĝaj personoj, tiamaniere ke poste neniu povu riproĉi al iu ajn, ke oni volis rapidigi aferojn kaj fermi la buŝon al tiu aŭ alia parolonto.

S-ro *Kudela* konsentas kun la prezidanto.

D-ro *Sirk* proponas, ke oni fermu la diskutadon post aŭdo de S-ro Warden.

La prezidanto petas, ke oni lasu la liberecon al ambaŭ flankoj, aŭdigi sian opinion tute libere.

S-ro *Warden* demandas, ĉu la decido forigi la K. K. K. estis kaŭzita de la neprezento de la kontoj. Li memorigas pri la grandaj donacoj de Generalo Sébert, kiu estas modesta homo kaj neniam deziris publikigi kontojn pri tio. Laŭ lia scio tiuj donacoj iam atingis la sumon de 200000 francaj frankoj kaj ne multaj kongresoj alportis financan profiton. Multaj aliaj havis deficiton.

S-ro *Isbrücker* opinias, ke la manko de konto estis efektive grava, sed ne la ĉefa afero laŭ lia opinio. Li ne deziras, ke lia interveno en Genève lasu la impreson, ke li iel dubis pri la honesteco de la kuratoroj de la Centra Kaso. Li nur bedaŭris la neordan staton de organizaj aferoj kaj la preskaŭ nulan funkciadon de la K. K. K., en kiu li mem sidis kelkjare, ricevante preskaŭ neniun cirkuleron, nek demandan, nek klarigan.

Estas necese konstati, ke K. K. K. estas forigita antaŭ ĉio pro praktikaj kaŭzoj en tute laŭleĝa maniero.

S-ro *Glück* konstatas, ke jam de dudek jaroj la esperantistaro perdas valoran tempon, diskutante pri organizaj aferoj. Junuloj kaj viglaj homoj prenis sur sin la postmilitan restarigon de nia movado. Oni permesu al ili, ke ili povu labori sen ĉiamaj embarasoj pro malnovaj aferoj. Al la maljunaj pioniroj oni donu honorprezidantecon kaj meritItajn dankojn, sed ili ne ĝenu la novan organizon. Personaj demandoj aŭ ĵaluzoj ne enmiksiĝu. Tio estas malinda.

S-ro *Grenkamp* opinias, ke tradicio havas sian valoron, sed ĝi ankaŭ alportis iom tro da deficitoj. K. K. K. plenumis sian utilan rolon antaŭ la milito. Nun ni devas ĝin forigi por ebligi tute novan senŝuldan rekomencon sur vojoj pli praktikaj kaj pli demokrataj. Tio nenion deprenas de nia respekto al maljunaj pioniroj, al kiu li persone konservas plej altan respekton kaj dankemon.

S-ro *Edmonds* konstatas, ke la propono Delanoue ne koncernas nur la Ĝenevan sed eĉ pli rekte la decidon de Helsinki, kiu jam forigis la ekziston de sendependa K. K. K. kaj igis ĝin konsila subkomisiono de C. K. Estas efektive stranga agadmaniero ankoraŭ rekomenci ĉi tie diskuton elĉerpitan jam 4-foje, sed oni tamen nun aŭdu ĉiujn opiniojn, eĉ se oni devos resti ĝis noktomezo, kondiĉe, ke post la voĉdono ĝi estu unu fojon por ĉiam solvita. Ne estas bone paroli pri eminentuloj ktp. Ankaŭ ekzistas junaj homoj, kiel D-ro Privat, kiuj partoprenis ĉiujn kongresojn kaj laboris jam antaŭ Bulonjo! Tiaj junuloj ne nur donis multe da mono ĉiutage el siaj malfacile perlaborataj vivrimedoj, sed ankaŭ ofte preterlasis brilajn karierojn kaj fordonis la plej belajn jarojn de sia juneco por nia afero.

Estis certe utile kaj dankinde en la komenco ke kelkaj homoj subtenis la fondatajn instituciojn sed jam delonge venis la tempo ke la esperantistoj mem per regula kotizado subtenu siajn organizaĵojn kaj funkciigu ilin laŭ asocia demokrata sistemo. Oni ne povas devigi la Centran Komitaton treni malantaŭ si pezan voston de mistera kaso kun nekonataj deficitoj aŭ ŝuldoj aŭ toleri super si kvazaŭ senaton de maljunuloj dumvive vartantaj kaj eterne malfavora al ia nova klopodo eĉ la plej sukcesa. La esperantistaro kutimiĝu preni sur sin mem la respondecon, la pagon kaj la decidrajton pri siaj aferoj.

S-ro *Warden* dankas pro tiu bela kaj prava konsilo al la esperantistaro kaj nur bedaŭras ke S-ro Edmonds ne venis pli frue en nian movadon por sukcesigi ĉi tiun principon. La esperantistaro rajtas esperi ke li ĝin sukcesigos en la nova organizo, kiu tamen estas ankoraŭ nur eksperimento.

*La prezidanto* demandas, ĉu S-ro Warden bonvolos informi la kongreson ĉu li konsentas kun la propono de S-ro Delanoue.

S-ro *Warden* opinias, ke oni ne rajtas lin publike demandi kaj li preferas ne respondi.

*La prezidanto* petas senkulpigon kaj ne insistos, sed nur transdonis al S-ro Warden la demandon de diversaj kongresanoj kaj interalie de S-ro Delanoue, kiu donis skriban demandon. Cetere, ŝajnas ke la diskuto fariĝos multe pli klara se ĉiu parolanto bonvolos anonci ĉu komence, ĉu fine de sia parolado la celon de ĝi, do, ĉu ili subtenas aŭ malsubtenas la proponon diskutatan.

S-ro *Balkanyi* memorigas, ke la decido en Ĝenevo estis poste ankoraŭ submetata al respektiva voĉdono skriba de la Naciaj Societoj kaj de UEA. Nenio povus esti pli orda kaj laŭleĝa. Estus ridinde se oni nun renversus denove ĉion kaj rekomencus la tutan aferon.

*Per voĉdono kun stariĝo el seĝoj la propono estas malakceptata unuanime kontraŭ ses voĉoj.*

*La prezidanto* anoncas, ke li ricevis proponon de S-ro Feder, esprimanta la dankon de la esperantistaro al la ĝisnunaj membroj de la K. K. K. pro ilia laboro kaj helpemo kaj deziranta ke ankaŭ ili subtenu la novan organizon en ĝia nuna formo. Li profitas la okazon por publike certigi S-ron Warden, ke neniam en Ĝenevo aŭ aliloke iu ajn esprimis eĉ la plej malgrandan dubon pri lia financa honorindeco kaj kontraŭe ke ĉiuj simpatias kun la malfacila situacio en kiu li troviĝis, prezidante komitaton kie la kontoj ne povis regule funkcii pro aliaj personaj aferoj.

Post diskuto inter S-roj Poncet, Kenn kaj Isbrücker la jena teksto estas unuanime akceptita:

*„La XVIa Kongreso dankas al la estintaj membroj de la Konstanta Kongresa Komitato kaj speciale al Generalo Sébert kaj al S-ro Warden pro la ĉiama helpemo kaj pro la multegaj laboroj kaj tempo kiujn ili dediĉis al la afero.“*

S-ro *Edmonds* dankas al la prezidanto pro lia senpartia kaj ĝentila gvidado de la diskuto el kiu li entute sin detenis interveni por ne influi la voĉdonon. Dank' al tiu farmaniero neniu poste povos fari la plej malgrandan plendon, ĉar ĉiuj referendumaj vojoj estis laŭleĝe elĉerpitaj, kaj ĉiu ricevis okazon esprimi sian voĉon en kongreso de nacia Societo, en kunveno de UEA, en kunveno de K. R. kaj en ĝenerala Universala Kongreso. Nun la volo de la esperantistaro estas klare montrita kaj ni ĉiuj laboru amike por la bono de la afero.

*La prezidanto* dankas S-ron Edmonds kaj petas la Kongreson daŭrigi la diskuton de la nova regularo artikolon por artikolo.

S-ro *Kostecki* proponas forigon de vorto „sociaj“ en la frazo „kun escepto de religiaj, politikaj kaj sociaj demandoj“, ĉar Esperanto estas mem socia demando, kaj la teksto neklara. Post diskuto inter S-roj Balkanyi, Jakob, Poncet kaj Kostecki la vorto „sociaj“ estas anstataŭata per la vorto „klasbatalaj“ per unuanima voĉdono kontraŭ unu.

S-ro *Hromada* proponas anstataŭon de la vorto „neniel“ per la vorto „ne“ en la paragrafo 4 (la kongreso neniel rajtas alpreni decidojn devigajn.“)

*La prezidanto* informas, ke la Centra Komitato jam akceptis tiun ŝanĝon kiu estis forgesita pro preseraro. Oni korektu la tekston.

S-ro *Applebaum* proponas, post la vortoj „Kontrakto de Helsinki“, en artikolo 4, la forigon de la vortoj „revizebla nur per interkonsento de K. R. kaj UEA.“

S-ro *Hromada* atentigas, ke tia forigo signifus malkonfeson de la Kontrakto de Helsinki, kiun la Kongreso ne plu rajtas tuŝi, ĉar efektive nur la du kontraktintoj rajtas ĝin revizi.

Post diskuto inter D-ro Hanauer, S-ro Eroŝenko, Edmonds, Taubmann, Blicher, Kudela, Knoop, Poncet, la forigo estas rifuzita per voĉdono unuanima kontraŭ tri voĉoj, ke la vortoj restu.

Poste pri la artikolo 6 (Kongresa Estraro) S-ro Isbrücker, D-ro Fousek, kaj S-ro Poncet proponas plibonigon de la teksto kaj oni akceptas ŝanĝi la paragrafon jene:

*„La Kongresa Estraro konsistas, krom la honoraj protektantoj kaj membroj el*

*unu prezidanto kaj kelkaj vicprezidantoj reprezentantaj la plej gravajn organizaĵojn de la movado;*

*la prezidanto aŭ almenaŭ unu vicprezidanto devas esti el la lando kie sidas la kongreso.“*

S-roj Taubmann, Balkanyi, Jakob, Edmonds, Poncet, Hromada, Morariu, Kostecki diskutas la formon de la artikolo 7 pri salutparoladoj de la naciaj delegitoj. La presita teksto estas poste unuanime akceptita kun la jena ŝanĝo en la lastaj du linioj:

*„Tiuj delegitoj estas elektitaj de siaj naciaj societoj kaj la listo devas esti fine ordigata aŭ kompletigita de antaŭkunveno de K. R.“*

S-roj Kostecki, Applebaum, Edmonds, proponas pliklarigon de la artikolo 9 pri tagordo, kaj la jena teksto estas akceptita unuanime post diskuto:

*„La Kongreso pridiskutas*

*a) la temojn senpere metitajn de la C. K. en la tagordon.*

*b) La temojn metitajn de la C. K. en la tagordon laŭ propono de esperantistaj organizaĵoj aŭ de enskribiĝintaj kongresanoj, kondiĉe ke tiuj proponoj estu alvenintaj al C. K. almenaŭ tri monatojn antaŭ la kongreso.*

*c) La dezirojn kaj konkludojn de la sekcioj, prezentitajn al la kongreso.“*

S-ro *Kostecki* demandas, ĉu la artikolo 10 pri la regularo de kunsidoj estas tute nova teksto.

*La prezidanto* respondas, ke ĝi estas preskaŭ laŭvorta represo de la malnova kun korekto en la unua paragrafo kaj en la paragrafo (e). La vorto *oratoro* estas anstataŭata per *parolanto.* En la lasta linio la vorto „kaj“ estas anstataŭata per „aŭ“.

*Per voĉdono pri la tuto de ĉiuj artikoloj kune, la plena regularo estas akceptita unuanime laŭ la jena teksto.*

Fino de la kunsido je 2,30 horo posttagmeze.

## Kongresa regularo

(prezentita de la Centra Komitato sur la bazo de la „Fundamentaj Dokumentoj“ kaj akceptita de la XVIa kongreso).

1. En Universala Kongreso de Esperanto povas partopreni „ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li uzas ĝin“, kondiĉe, ke tiu persono

a) sendis sian aliĝon al la loka komitato, kaj

b) pagis la kotizon.

La aliĝo al la kongreso komprenigas akcepton de ĉi tiu regularo de la kongreso, kiu nuligas ĉiujn antaŭajn.

2. La celo de la kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj komuninteresaj por ĉiuj esperantistoj, kun escepto de religiaj, politikaj kaj klasbatalaj demandoj, kiuj estas netuŝeblaj en kongresa kunsido, kaj la lingvaj demandoj, kies esploro kaj solvo estas rezervataj al la L. K. kaj Akademio. Tamen, por ebligi al la kongresanoj kiuj interesiĝas pri unu aŭ alia el tiuj demandoj, ilin priparoli inter si en privataj kunsidoj, la komitato zorgas por ke ili povu disponi ĉambrojn, kie ili kunvenas laŭ deziro. La kunvenaj lokoj kaj horoj, elektitaj de ĉia tiel formiĝinta grupo, estas oficiale sciigataj.

3. La universalaj kongresoj konsistas el:

a) solena malferma kunsido;

b) laboraj kunsidoj, en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;

c) fakaj kunsidoj; kaj

d) kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte kaj kune.

4. Ĉar la funkciado de la oficialaj institucioj estas regulata de la kontrakto de Helsinki, revizebla nur per interkonsento de K. R. kaj UEA, la kongreso ne rajtas alpreni decidojn devigajn, ĉu por izolaj esperantistoj, ĉu por la esperantaj societoj, ĉu por la oficialaj institucioj, sed ĝi plene rajtas esprimi dezirojn kaj konsilojn. Por decidigi pri tiuj deziresprimoj aŭ konsiloj, la koncernataj institucioj aŭ komitatoj traktos ilin kiel eble plej baldaŭ. La diskutoj rilataj al aferoj de la Universala Esperanto-Asocio estas regulataj per ties statuto.

5. Eventuala profito el ĉiu kongreso apartenos al la Centra Kaso, kiu donos unu trionon de ĝi por la propagando en la kongresa lando.

### Kongresa estraro.

6. La kongresa estraro konsistas, krom la honoraj prezidantoj kaj membroj, el:

unu prezidanto;

kelkaj vicprezidantoj, reprezentantaj la plej gravajn organizaĵojn de la movado; la prezidanto aŭ almenaŭ unu vicprezidanto devas esti el la lando kie sidas la kongreso;

la ĝeneralaj sekretarioj kaj iliaj helpantoj.

La estraro estas elektita de la kongreso, laŭ propono de C. K. kaj L. K. K.

7. Por solena malfermo, se okazas salutparoladoj naciaj, ili estos ordigataj laŭ la tradicia maniero:

Unu delegito el ĉiu regno, kies regnanoj ĉeestas la kongreson;

unu delegito por ĉiu lingvo parolata en tiu regno, krom la oficiala lingvo, kondiĉe ke reprezentantoj de la dirita lingvo ĉeestas la kongreson.

Tiuj delegitoj estas elektitaj de siaj naciaj societoj kaj la listo devas esti fine ordigata kaj kompletigita de antaŭkunveno de K. R.

### Fakaj sekcioj.

8. Por la esploro de ĉiuj specialaj aŭ teknikaj temoj aŭ eĉ de la temoj rezervitaj pro kongresa neŭtraleco, oni povas formi fakajn sekciojn.

Tiuj sekcioj konsistas, ĉu el specialistaj societoj, antaŭe organizitaj, kaj decidintaj kunveni dum la kongreso, ĉu el personoj, kiuj grupiĝas libere, dum la kongreso, por esplori kune temojn, pri kiuj ili havas specialistan kompetentecon aŭ interesiĝas speciale.

La sekcioj povas peti, ke la deziroj, kiujn ili esprimis, aŭ la konkludoj de iliaj raportoj, estu prezentataj al la kongreso, se tiu prezento estas farebla laŭ la ĝeneralaj principoj, kiuj regas la kongreson.

### Kongresaj kunsidoj.

9. La kongreso pridiskutas:

a) La temojn senpere metitajn de la C. K. en la tagordon.

b) La temojn metitajn de la C. K. en la tagordon laŭ propono de esperantistaj organizaĵoj aŭ de enskribiĝintaj kongresanoj, kondiĉe ke tiuj proponoj estu alvenintaj al C. K., almenaŭ tri monatojn antaŭ la kongreso.

c) La dezirojn kaj konkludojn de la sekcioj, prezentitajn al la kongreso.

### Regularo por la kunsidoj de la kongresoj.

10. a) La laboraj kunsidoj de la kongreso estas prezidataj de la prezidanto de C. K. aŭ de lia anstataŭanto.

b) Ĉiu parolonto devas doni sian nomon skribe al la estraro de la kunsidoj.

c) Ĉiu rezolucio aŭ amendo devas esti komunikita skribe al la estraro.

d) La parolontoj sin sekvas, laŭ ordo de sia enskribo.

e) Ĉiu parolonto, krom la raportantoj, povas paroli nur dum dek sinsekvantaj minutoj. Ĉiu parolonto ne povas, sen speciala permeso de la prezidanto, paroli pli ol dufoje pri la sama demando, escepte pri punkto pri ordo.

f) La parolantoj povas paroli nur pri la tagordo. La prezidanto reprenas la parolon al ĉiu parolanto, kiu parolas pri alia temo.

g) La interrompoj estas malpermesitaj.

h) Post la fermo de la diskuto, decidita de la kunsidantaro, oni voĉdonas.

i) Oni devas voĉdoni pri la amendoj, antaŭ ol voĉdoni pri la prezentita propono.

k) La voĉdonoj povas okazi per levitaj manoj, se ne ekzistas dubo pri la rezultato de tiu voĉdono. Se ekzistas dubo, laŭ opinioj de la prezidanto aŭ de la proponintoj, oni balotas.

## Ferma kunsido.

**„Konzerthaus", merkredo, 13 aŭgusto 1924.**

La prezidanto malfermas la kunsidon je la 10ª horo.

S-ro *Applebaum* raportas pri la Zamenhofa Monumento. Li resumas sian raporton, presitan en la kongresa libro, kaj proponas dankesprimon al la pola registaro pro la promeso enveturigi la marmoran skulptaĵon el Skotlando en Polujon sen dogana depago. Li ankaŭ petas la C. K. doni sian opinion pri la plej bona maniero solenigi la inaŭguron de la monumento dum venonta jaro en Varsovio. La jena rezolucio estas unuanime akceptita:

*Rezolucio pri Zamenhofa Monumento.*

*La XVIª Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Vieno 1924, ĉe sia tria laborkunsido aŭdis kun plezuro pri la favora decido de la Pola Registaro, cedinta al la peto de la Organiza Komitato por starigo de Monumento al D-ro Ludoviko Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, enirigi la monumenton en Polujon sen iu dogana depago. La kongreso esprimas per tiu ĉi rezolucio sian tutkoran dankon al la Pola Registaro pro la citita favoreco.*

La prezidanto demandas, ĉu la naciaj societoj konsentus okazigi en Varsovio kunsidon de K. R. okaze de tiu inaŭguro, tiamaniere, ke oni havu tie la plej reprezentantajn personojn de la diversaj landoj. Li demandas al S-ro Applebaum pri la kredebla dato de preteco kaj al la Pola Societo pri ĝia deziro.

S-ro *Kostecki* bedaŭras, ke la nunaj cirkonstancoj ne ebligas tutmondan kongreson en Varsovio, sed la Pola Societo tre bonvenigus kunsidon de K. R. kaj eĉ de plia teknika konferenco krom ĝenerala invito al ĉiuj esperantistoj, kiuj bonvolos partopreni en la solena inaŭguro de la monumento.

S-ro *Applebaum* ne povas fiksi daton, sed li esperas, por printempo 1925.

S-ino *Zamenhof* dubas, ĉu estus eble starigi la monumenton jam por Pasko pro la vintra frosto kaj la posta degelo.

La prezidanto atentigas, ke en majo multaj esperantistoj partoprenos la komercan konferencon en Parizo, tiel, ke la afero devos kredeble prokastiĝi ankoraŭ ĝis fino de 1925 aŭ komenco de 1926. Oni lasu la C. K. interkonsenti kun la Monumenta Komitato pri la definitiva dato kun la celo kiel eble plej sukcesigi la inaŭguron.

S-ro *Warden* ne konsentas, ke la Komitato pri la Monumento estu devigata al interkonsento kun C. K. por fiksi la daton. La decido devas resti en la manoj de la organizintoj.

Post diskuto inter S-ro Applebaum kaj S-ro Warden la jena rezolucio estas unuanime akceptita:

*La kongreso esprimas la deziron, ke la Monumenta Komitato decidu pri la dato de la inaŭguro de l' monumento post interkonsiliĝo kun la oficialaj institucioj de la Esperanto-movado tiamaniere, ke la ceremonio okazu kun la plej diversnacia delegitaro, kiu estos ebla laŭ la cirkonstancoj.*

### Propono de Pola Esperanto-Societo pri lingva disciplino.

S-ro *Kostecki* prezentas la proponon de la Pola Esperanto-Societo, por ke la kongreso postulu de la esperantistaj organizaĵoj, gazetoj kaj individuoj, ke ili konfirmiĝu al ĉiuj lingvaj opinioj de la Akademio kaj de la Lingva Komitato. Depost la morto de D-ro Zamenhof estas tiom pli necese, ke oni respektu la aŭtoritaton de niaj Lingvaj Institucioj kaj konservu per tio la unuecon de la lingvo.

La prezidanto konstatante, ke laŭ la regularo la kongresoj nenion rajtas postuli, sed nur rekomendi, demandas S-ron Kostecki, ĉu la Pola Societo estas preta, plibonigi la tekston laŭ tiu senco.

S-ro *Kostecki* akceptas diri en la teksto: „morala postulo" anstataŭ „postulo".

La prezidanto opinias, ke tiu aldono sufiĉas, por ke la propono estu tute en ordo kun la regularo.

S-ro D-ro *Bánó* subtenas la rezolucion, kiu enhavas nenion novan, krom atentigo al la verkantoj, ke ili estu pli singardaj en la provado de novaj formoj kaj esprimoj.

S-ro *Erošenko* kontraŭbatalas la rezolucion. Certe la Akademio devas kontroli la evoluon de la lingvo, sed ĝi devas lasi, ke tiu evoluo okazu. La popolo mem kreas la lingvon iom post iom per uzado. Kiel ĉiuj akademioj la nia estas tro konservativa kaj ne sufiĉe respektas la uzadon kaj preferojn de la popolo.

S-ro *Medem* energie defendas la rezolucion, por ke nia lingvo ne disfalu pro ĉies ajn plezuro.

S-ro *Cohen* ankaŭ subtenas la rezolucion, ĉar neniu devas havi la rajton enkonduki novajn esprimojn aŭ formojn sen antaŭa interkonsento kun la alilandanoj pere de la Lingva Komitato.

S-ro *Wiesenfeld* konstatas, ke neniu povas devigi iun ajn, sed ke almenaŭ la oficialaj institucioj devus obei al la decidoj de la Lingva Komitato. Li konigas rezolucion de la Esperantista Literatura Asocio kun la sama intenco.

S-ro *Mangada-Rosenörn* konsentas pri la neceseco de lingva disciplino, sed li bedaŭras, ke la Lingva Komitato ne faciligas unuecon, prokrastante la necesajn aldonojn al la fundamento por respondi al novaj bezonoj de tekniko, postmilita geografio ktp. Ni ĉiuj helpu al disciplino kaj unueco per reciproka interkonsento, sed iam la Akademio devos cedi al la uzado rilate al la landnoma afero.

S-ro *Jost* insistas pri la neceseco, ne malsimpligi la lingvon, sed lasi certan liberecon al la popolo, por ĝin evoluigi tute regule. Li citas diversajn ekzemplojn.

S-ro *Warden* pro ordo atentigas, ke la kongreso ne rajtas tuŝi lingvajn demandojn.

La prezidanto respondas, ke S-ro Warden mem proponis enmeti la rezolucion de la Pola Societo en la tagordon. Estas neeble eviti, ke la parolantoj diskutu tute libere pri ĝi, eĉ citante ekzemplojn, kondiĉe, ke ili ne longigu tiun citadon kaj ne propagandu por unu formo aŭ alia. Ĝuste tion la regularo intencas eviti, ĉar la pristudo kaj la decido de lingvaj aferoj apartenas sole al la Lingva Komitato.

D-ro *Sós* opinias, ke la plej bona maniero akceptigi disciplinon estas bojkoti la malbonajn verkojn.

S-ro *Hromada* ne ŝatas la sistemon de bojkotado. La Lingva Komitato devas elĉerpi sian gvidon el la praktika uzado. Rilate al UEA li deklaras en ties nomo, ke ĝi respektas la maloportunan decidon de la Akademio kaj ne plu uzas la formon i o kiel ĝeneralan sufikson de landnomoj. Ekzemple formoj kiel Britio, Polio, Svisio, malpermesitaj de la Akademio, ne troviĝas plu en oficialaj eldonaĵoj de UEA, kiu nur uzas la internaciajn landnomojn laŭ artikolo 15 de la fundamento kaj laŭ deklaro de P-ro Cart mem, ke oni rajtas diri: G e r m a n i o apud Germanujo, I t a l i o apud Italujo, R u s l a n d o apud Rusujo, S v i s l a n d o apud Svisujo ktp.

D-ro *Privat* konfirmas tiun deklaron kiel prezidanto de UEA kaj demandas, ĉu iu membro de la Lingva Komitato deziras kritiki tiun agadmanieron aŭ montri formon uzatan de UEA kontraŭ la fundamento kaj la decidoj de la Akademio. Se tia formo ekzistus en oficiala dokumento de UEA estus nia devo ĝin absolute forigi kaj malpermesi estonte.

F-ino *Zamenhof* opinias, ke kelkaj parolintoj konfuzis evoluon kun anarkio, efektive tre malsamaj aferoj. Evoluo povas sukcesi nur, se ĝin limigas certa disciplino.

La prezidanto demandas, ĉu reprezentanto de la Akademio, ekzemple nia vicprezidanto S-ro Warden, bonvolus klarigi al la kongreso la vidpunkton de la Lingva Komitato rilate al tiu tre grava afero de evoluo. Multe da esperantistoj dezirus scii, kiamaniere oni procedu, se unuflanke la Akademio rajtas oficialigi formojn nur post sufiĉe longa prova uzado kaj se aliflanke la plejbonaj aŭtoroj kaj gazetoj ne rajtas provi novajn formojn antaŭ ilia oficialigo. Estas certe la deziro de la kongreso aŭdi klaran instruon pri tiu ĉi afero.

S-ro *Warden* opinias ne facile respondi al la demando tiel subite. Certe la Lingva Komitato ne devas malhelpi la provadon de novaj formoj, sed post kiam ĝi studis kaj decidis pri unu afero, estas necese, ke ĉiuj akceptu discipline la decidon.

S-ro *Edmonds* deklaras, ke li ĉiam uzis u j o por la malnovaj landnomoj de antaŭmilita Eŭropo, sed ke la Akademio efektive ne faris decidon pri la novaj kaj ke tio kaŭzis kredeble la tutan malfacilaĵon. Li proponas kelkajn ŝanĝojn en la rezolucio de la Pola Societo. Unue oni ne povas postuli, ke ĉiuj submetu sin al simplaj opinioj, sed nur al la fundamento aŭ al aldonoj al la fundamento, oficialigitaj de la Akademio. Krome, ĉar D-ro Zamenhof jam fordonis la lingvan aŭtoritaton al L. K dum sia vivo, oni ne devas diri en la rezolucio: depost la morto de D-ro Zamenhof. Fine estus rekomendinde, ke la kongreso memorigu al la L. K. ĝian devon rilate al la bezonoj de tekniko kaj geografio kaj ne postulu disciplinon de la popolo, sen samtempa peto al L. K., ke ĝi atente kaj senpartie studu la uzadon kaj oficialigu la necesajn novajn formojn.

S-ro *Kostecki* petas la kongreson, akcepti la rezolucion de la Pola Societo sen la proponitaj aldonoj, kiuj laŭ lia opinio malfortigas la tutan sencon de ĝi.

S-ro *Warden* ankaŭ kontraŭbatalas la aldonojn. Ne sufiĉas submeti sin al fundamento aŭ al aldonoj al ĝi, sed ankaŭ al ĉiuj opinioj de la Akademio, kiam ĝi esprimis ilin per voĉdono.

S-ro *Wiesenfeld* deziras demandi al UEA, ĉu ĝi konsideras, ke la formoj Ĉinujo kaj Danmarko estas permeseblaj laŭ la fundamento.

D-ro *Privat* respondas, ke Danmarko estas internacia formo, permesebla laŭ artikolo 15 kaj ke la formoj Ĉino, Ĉinujo estas regule formataj kiel Ruso, Rusujo, sed li volonte aŭdus oficialan opinion pri tio.

D-ro *Spielmann* insistas pri la neceseco alveni al unueca uzado en la landnomoj kaj enketi ĉe la Universala Poŝta Unio, kiu havas grandan sperton pri tio.

S-ro *Isbrücker* petas, ke oni finigu la diskuton pri lingvaj aferoj.

La *prezidanto* konsentas, kondiĉe, ke ĉiu bone konsciu pri sia devo, se li voĉdonas. Ne sufiĉas akcepti aŭ malakcepti belajn rezoluciojn kaj poste reveni hejmen sen plua prizorgo. Estas multe pli bone, ke ĉio estu klare dirata kaj komprenata kaj ke oni alvenu al plena interkonsento sen iuj kaŝitaj rezervoj.

S-ro *Merchant* proponas la fermon de l' diskuto. (Akceptite.)

S-ro *Warden* petas fari ankoraŭ rekomendon.

La *prezidanto* diras, ke S-ro Warden ankoraŭ rajtu paroli kiel raportanto en la nomo de la Akademio.

S-ro *Warden* rekomendas akcepton de la rezolucio sen la ŝanĝoj kaj esperas, ke UEA klopodos uzi ĉiam la samajn formojn kaj ne du aŭ tri diversajn en siaj dokumentoj.

D-ro *Privat* respondas, ke certe UEA devos fari tion, sed ke ĝi ne rajtos ŝanĝi dokumentojn de aliaj oficialaj institucioj, kiuj ekzemple uzas la formon „Britujo" same fundamentan kiel „Britlando", uzata de UEA.

S-ro *Kostecki* proponas, ke oni voĉdonu unue pri la rezolucio kaj poste pri la ŝanĝoj.

La *prezidanto* respondas, ke tiu estas kontraŭ la regularo, kiu devigas unue voĉdoni pri la ŝanĝoj kaj poste pri la tuta rezolucio kun aŭ sen ili laŭ la rezultato de la unuaj voĉdonoj.

S-ro *Kostecki* submetas sin al la regularo.

Per voĉdonoj sinsekvaj la ŝanĝoj de S-ro Edmonds estas akceptitaj per granda plimulto kaj la jena tuta teksto estas akceptata unuanime:

*Rezolucio pri Lingva Disciplino.*

*„Konsiderinte, ke multaj esperantistoj ne tute konformiĝas en la praktika uzado de la lingvo Esperanto al la lingvaj opinioj de la Akademio de Esperanto kaj de la Lingva Komitato,*

*konsiderinte, ke la ambaŭ suprecititaj institucioj estas la plej alta kaj unika aŭtoritato de la aferoj de la lingvo Esperanto, al kiu ĉiu esperantisto devas submeti sin en la nomo de la unueco de nia lingvo havanta tiel grandegan signifon por ĝia plua disvolvo kaj propagando,*

*la XVI*a *Universala Kongreso de Esperanto turnas sin al ĉiuj esp. organizajoj kaj gazetoj kaj al ĉiuj individuaj esperantistoj kun la peto kaj la morala postulo, ke ili konformiĝu al la fundamento kaj al la rekomendoj de la Lingva Komitato pri aldonoj al ĝi,*

*esprimante la deziron de la Akademio kiel eble plej baldaŭ plenigu la mankojn en nia vortaro sur la kampoj de moderna tekniko kaj geografio kaj ankaŭ, ke ĝi preparu liston de permeseblaj landnomoj post atenta senpartia studado de la diversaj uzataj formoj kaj post enketo ĉe la Universala Poŝta Unio.“*

D-ro *Halbedl* en la nomo de la Esperanto-Societo de Stirio prezentis proponon por ke la C. K. klopodu, ke la familio Zamenhof ricevu la Nobel-premion.

D-ro *Privat* respondas, ke li jam priparolis la aferon kun la fama norvega parlamentano kaj scienculo Frithjof Nansen kiu montris al li la preskaŭ neeblecon de la projekto. Tamen li proponas transdonon de la propono al la C. K. por plia esploro, ĉar ni ĉiuj dezirus, ke ĝi estu ebla.

S-ro *Horner* salutas la kongreson en la nomo de la Tutmonda Komitato de Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj (Y. M. C. A.) kaj prezentas al la kongreso du proponojn:

1. *ke C. K. aŭ UEA invitu ĉiujare al la kongreso ĉiujn internaciajn oficejojn,*
2. *ke la kongreso komisiu D-ron Privat reprezenti la esp. movadon en la Kongreso de Internaciaj Asocioj en Ĝenevo en monato septembro.*

La kongreso rekomendas ambaŭ aferojn al la C. K. laŭ financa ebleco.

D-ro *Blaas* demandas pri la Biblio.

S-ro *Warden* respondas, ke li esperas aperigi la tradukon de Zamenhof dum 1925.

La *prezidanto* dankas S-ron Warden pro lia longa pacienco kaj ĝoje salutas la novaĵon, esprimante la deziron de la tuta kongreso, ke baldaŭa eldono efektiviĝu.

D-ro *Rumpel* per telegramo proponis, ke la kongreso faru rekomendon rilate al la alfabeto de Morse.

La *prezidanto* demandas, ĉu la propono estu transdonata al la Internacia Radio-Asocio. — Akceptite unuanime.

La *prezidanto* komunikas demandon de kelkaj kongresanoj rilate al ortografio de la nomo **Z**amenhof, kiun oni skribis **S**amenhof sur la memortabulo en Florianigasse en Vieno. La respondo estas, ke la pola kaj esperanta ortografio estas kun Z kaj la germana kun S.

S-ro *Hendrickx* legas raporton pri la blindulkongreso.

S-ro *Wiesenfeld* transdonas raporton pri la kunsido de Esperanta Literatura Asocio.

S-ro *Fairman* transdonas raporton de la kristana kunveno.

S-ro *Krieger* raportas pri kunveno de instruistoj kaj plendas, ke ankoraŭ ĉi tiu kongreso perdis tempon por organizaj demandoj.

La *prezidanto* konsentas kaj konstatas, ke de nun tiuj demandoj apartenos al K. R. kaj UEA kaj la kongreso povos diskuti pli utilajn temojn de propagando, instruado ktp.

S-ro *Pivl* prezentas raporton pri la junula kunveno.

S-ro *Illing* raportas pri kunveno de studentoj.

D-ro *Spielmann* raportas pri la agado de Internacia Ligo de Poŝt- kaj Telegraf-Oficisto (Ilepto).

S-ro *Delanoue* prezentas raporton pri la kunveno de la bankoficist j.

La *prezidanto* anoncas, ke tiuj raportoj estos enpresataj post la oficiala protokolo. Pri la rezolucio prezentita de la Esperantista Literatura Asocio la kongreso decidas akcepti la jenan tekston:

*„La kongreso aŭdas kun plezuro, ke la kunsido de E. L. A. decidis starigi oficialan interrilaton kun la Esperanto-gazeto „Literatura Mondo“ kaj alvokas, ke tiun ĉi nuntempe solan literaturan kaj artan esperantlingvan gazeton helpu la esperantistaj verkistoj per kunverkado kaj la esperantistoj per legado kaj disvastigo.“*

La *prezidanto* anoncas, ke li ricevis rezolucion de la laborista fakkunveno, kiu kulpigas tri naciajn societojn pri malneŭtrala sinteno. La C. K. skribos al K. R. por transdoni la plendon al ĉiu el la tri naciaj societoj, petante, ke ili respondu mem. La rezolucio ankaŭ enhavis kulpigon al UEA pri konduto de du membroj de tiu asocio. En la nomo de UEA la prezidanto informas, ke unu el la du cititaj personoj jam de pli ol du jaroj ne plu apartenas al la asocio, kaj ke li ricevis de la alia, eksiĝan leteron.

S-ro *Eroŝenko* petas, ke la prezidanto bonvolos legi la tutan rezolucion de la laborista fakkunveno.

La *prezidanto* respondas, ke li volonte legos ĝin, se estas permesate, ne citi la du nomojn, ĉar alimaniere ili rajtus tuj paroli por sin defendi en la kongreso kaj ankaŭ procesi kontraŭ la estraro de la kongreso laŭ la aŭstria leĝo.

S-ro *Eroŝenko* deklaras, ke li estas kontentigata, se la rezolucio estos legata sen la du nomoj.

La prezidanto legas la tekston de la rezolucio laŭvorte, krom la du nomoj, kaj poste anoncas, ke UEA oficiale sciigos per sia komisiono, ke la delegiteco de UEA kaj la ofico de sekreta aŭ politika policano en iu ajn ŝtato ne estas akordeblaj.

S-ro *Eroŝenko* esprimas sian kontentecon pri tiu deklaro.

*Rezolucio pri neŭtraleco.*

Post diskuto inter S-roj Poncet, Glück, Eroŝenko kaj la prezidanto la kongreso poste voĉdonas unuanime la jenan deklaron:

*„La XVI*a *Universala Kongreso de Esperanto deklaras, ke pro sia regularo la kongreso neniel estas burĝa kongreso aŭ laborista, sed neŭtrala kongreso de ĉiuklasaj esperantistoj.“*

### Loko de la venonta kongreso.

S-ro *Merchant* invitis la kongreson por 1926 al Granda Britujo.

S-ro *Tullo* subtenas la proponon kiel skoto.

La *prezidanto* dankas kaj konstatas, ke kun granda plezuro la esperantistoj iros al Grand-Britujo. Ĉar venis neniu invito por 1925 la C. K. organizos ĉiukaze ian manifestacion, ĉu grandan someruniversitaton, ĉu turistan kongreson, ĉu alian specialan kongreson pri alia temo en Esperanto kaj informos pri tio la esperantistaron en aŭtuno.

D-ro *Privat* tutkore dankas la lokajn organizintojn de la kongreso en Vieno, kiuj havis la tre malfacilan taskon, kontentigi pli ol 3000 diverslandajn samideanojn, kio estas superhoma entrepreno.

S-ro *Schröder* respondas en la nomo de la Loka Komitato kaj esperas, ke la kongresanoj memoros pri la bonaj punktoj de la kongreso.

La prezidanto fermas la XVI-an Universalan Kongreson de Esperanto je 1,30 horo, esprimante bondezirojn al la urbo Vieno kaj al ties esperantistaro.

Ekstarinte ĉiuj kantas la himnon.

Vieno, 14 aŭgusto 1924.

La ĝeneralaj sekretarioj:

| | |
|---|---|
| Por K. R.: | Por UEA: |
| *Charles H. Edmonds.* | *Robert Kreuz.* |

**La raportoj de la Oficialaj Institucioj kaj la protokoloj de la Fakaj kunvenoj ktp. aperos en la venonta numero de „Esperanto“. ☛ La proksima numero aperos komence de monato oktobro. ☚**



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Voĉdonado de la Delegitoj.** — La rezultato de la voĉdonado estas jena:

Voĉrajtaj personoj: 1267. Voĉdoniloj senditaj: 1544.

Partoprenis la voĉdonon 718 personoj kun 873 voĉoj.

La necesa duono laŭ Statuto art. 56 estas 634 kaj 772.

La necesa plimulto do estas atingita, ne kalkulante la voĉojn de la transmaraj delegitoj kies respondoj ne jam alvenis.

La dispartigo de la voĉoj estas jena:

785 kun **Jes** (necesa plimulto 773)
9 kun **Ne**
43 blankaj
36 kun ŝanĝoj en la konsisto de la komitato
873 voĉoj.

La dispartigo de la voĉoj sur la komitatanoj estas:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S-ro | Blaise | 785 | S-ro | Maruzzi | 774 |
| S-ino | Blicher | 782 | S-ro | Medem | 784 |
| S-ro | Bouvier | 783 | S-ro | Minkov | 784 |
| S-ro | Carles | 785 | S-ro | Page | 785 |
| P-ro | Dietterle | 784 | S-ro | Parrish | 785 |
| S-ro | Fischer | 781 | S-ro | Petiau | 784 |
| S-ro | Génermont | 785 | S-ro | Privat | 785 |
| S-ro | Edmonds | 785 | S-ro | Rockmann | 785 |
| S-ro | Hromada | 784 | S-ro | Scholze | 782 |
| S-ro | Karsch | 782 | S-ro | Setälä | 784 |
| S-ro | Isbrücker | 785 | S-ro | Stamatiadis | 784 |
| S-ro | Linares | 783 | S-ro | Szabunievicz | 784 |
| | | | S-ro | Tellini | 785 |

Ĉiu el la 25 kandidatoj ricevis do la necesan plimulton de voĉoj 773. Restantaj 36 voĉdoniloj akceptis principe kun diversaj ŝanĝoj en la konsisto de la komitato; tiuj ŝanĝoj dispartiĝas sur 30 personoj el kiuj nur unu atingis 10 voĉojn la resto 1—3. Esploris la voĉdonilojn 4 membroj de UEA sub ĉeesto de la Ĝen. Sekretario, je la 10 julio 1924; poste alvenintajn respondojn la Oficejo aldonis.

Konforme al la art. 56 de la statuto ni deklaras la supre nomitajn personojn kiel komitaton de UEA.

*Genève*, 20ª de aŭgusto 1924.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

La kontrolintaj membroj:
F-ino Alice Diekmann, F-ino M. Kapfer, S-roj Isch, Reisinger.

*

**Decidoj de la nova Komitato:** Per voĉdono okazinta inter la 12 ĝis 31 julio la komitato elektis kiel prezidanton D-ron Edm. Privat (24 voĉoj), kiel vicprezidanton S-ron Page en Edinburgh (23 voĉoj), kaj kiel direktoron la ĝisnunan Ĝeneralan Sekretarion S-ron H. Jakob (25 voĉoj).

Ĝi plie konfirmis la proponitan amendon en la kontrakto de Helsinki,

„La Centra Komitato (de la Esperanto-Movado) okazigas la universalajn kongresojn kaj komisias ilian lokan aranĝon al Loka Organiza Komitato",

per 21 voĉoj j e s, 1 n e kaj 3 nepartoprenintaj la voĉdonon.

Genève, 20 aŭgusto 1924.

*Paul Bouvier*,
Komitatano de UEA.

**Jarlibro 1924.** — Spite niaj klopodoj je pli frua apero tiu ĉi eldonaĵo nur eliris meze de julio; la pagintaj anoj nericevintaj ĝin komuniku tion al ni.

**Varbado de novaj membroj.** — Ni atentigas niajn delegitojn, ke la varbado de novaj membroj por la jaro 1924 povas daŭrigi. La Centra Oficejo ankoraŭ disponas provizon de la jarlibro 1924 tiel, ke ĉiu nova ano certe ricevos tiun eldonaĵon.

**Administra jaro 1925.** — Kiel kutime ni dissendos meze de oktobro la Oficialan Bultenon kun la diversaj informoj pri la agado en la nova administra jaro. Krom la kutimaj administraj informoj la membraro estos informata pri la okazonta elekto de la delegitoj; la lasta okazis en 1921. Plie ni intencas vigligi la klopodon pri varbado de reklamoj por la estonta jarlibro. Por faciligi la redaktadon de la jarlibro 1925, ni petas ĉiujn konigi al ni trovitajn erarojn, nekorektaĵojn ktp. precipe en la dua kaj tria partoj (Esperantismo, UEA).

**Garantia Kapitalo.**

Dua serio: Frankoj svisaj

| | |
|---|---|
| Antaŭa listo | 4800.00 |
| 17. S-ino Alice V. Morris, New York | 300.00 |
| Sume: | 5100.00 |

**Subtenantoj.**

Kvina listo.

201. S-ro Morton, Birkenhead; 202. S-ro Ravelick, Auckland; 203. S-ro Tovar, Tampico; 204. S-ro Rodriguez, Perez Millan; 205. S-ro Amici, Perez Millan; 206. S-ro Volf, Hradec Královè; 207. S-ro Zöllner, Brno; 208. S-ro Thorsteinsson, Rejkjavik (Islando); 209. S-ro Mitschke, Plainfield, N. Y.; 210, S-ro Tilly, Whangarei (N. Zeland); 211. S-ro D-ro Sigel, Detroit; 212. S-ro Braun, Wien; 213. S-ro Gambirasio, Sériate; 214. S-ro Carlo di Montezemolo, Castiglioncello; 215. S-ro Berger, Cordoba; 216. S-ro Bardorf, Montreal; 217. S-ro Blackham, Pointe Claire (Kanada); 218. S-ro Gomes Braga, Rio de Janeiro; 219. S-ro Kobler, Paris; 220. S-ino Zamora de Garcia, Manila (Filipinaj ins.); 221. S-ro Allen, Annapolis; 222. S-ro Trevisan, Minalo; 223. S-ro Hill, Birmingham; 224. S-ro Halpern, Lublin; 225. S-ro Boguslawski, Lublin; 226. S-ro Brüning, Berlin; 227. S-ro V. Ph. Schmidt; 228. S-ro J. Hermann, Stuttgart; 229. S-ro Brandner, Bad Reichenhall; 230. S-ro Strauch, Bottrop; 231. S-ro Leakey, Hatfield; 232. S-ro Course, Royston (Engl.); 233. S-ro Dyba, Berlin-Niederschönhausen; 234. S-ro Ferguson, Jeffersonville; 235. S-ino J. Goldzier, Bayonne, U.S.A.; 236. S-ro Relf, Teddington; 237. S-ro Indra, Riga; 238. S-ro Fridenbergs, Riga; 239. S-ro Doroszenko, Krzemieniec (Pollando); 240. S-ro Norris, Alvarado; 241. S-ro Ahlin, Lundsbrunn (Svedio); 242. S-ro Pedraz, Santander; 243. S-ro Jönsson, Isafjördur (Islando); 244. S-ro Molnar, Praha; 245. S-ro Weisskopf, Praha; 246. S-ro Horak, Praha; 247. S-ro Rambousek, České Budějovice; 248. F-ino K. Rambouskovà, České Budějovice; 249. S-ro Novàk, Praha; 250. S-ro Bunzel, Praha.

## Esperanta radio-parolado pri la IXª Foiro de Praha

(21. IX. 1924 je la 11 h. 45 m. c. t. sur ondo 1150).

Dimanĉon la 21 septembro 1924 sur ondo de 1150 disaŭdigos „Radio-Journal" de Praha (Kbely near Prague) diverslingvajn anoncojn pri la ĵus okazanta malfermo de la IXª Internacia Foiro de Praha. La anoncado komencos je la 11 h. (centroeŭropa t.) ĉeflingve kaj kiel lasta okazos je la 11 h. 45 m. kvinminuta radiofona esperanta parolado prifoira de S-ro Pitlík. Ĉar la nomita radioanoncado estos samtempe konkuro pri la radiofona taŭgeco de diversaj lingvoj eŭropaj kaj Esperanto, estas urĝege petataj ĉiuj samideanoj tuj sendi al S-ro A. Pitlík (Praha II, Křemencová 17), sciigon pri la aŭskultado kaj nacian ĵurnalon enhavantan anoncon pri la okazonta aŭ okazinta parolado. La senditaĵojn Radio-Journal ekspozos en la foira radiopavilono la 21.-22. IX. La sendintoj ricevos senpage ilustritajn informilojn pri Praha kaj Ĉeĥoslovakujo. La venko de Esperanto kiel radiofona lingvo internacia dependas de via rapida kaj preciza helpo, gesamideanoj! Montru per multaj sendaĵoj, ke sole Esperanto estas taŭga por eksterlanda radiofona propagando!

## Esperantista Literatura Asocio.

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

**Unua kunsido, 11. VIII. 1924, en Vieno.**
40 ĉeestantoj. — Malfermo je $8^1/_2$ a.

La prezidantino F-ino Zschepank, salutas la ĉeestantojn, pensante ankaŭ pri la forestantaj membroj. Ŝi memorigas la lastan E. L. A.-kunsidon en Bern antaŭ dekunu jaroj, gviditan de la antaŭa prezidantino S-ino Hankel, kiu sendas al la kunvenintaj korajn salutojn.

La P. akcentas, ke Vieno, kiel urbo de muziko, transiĝanta trans ĉiuj limoj kaj parolanta de animo al animo ne konsiderante la naciecojn, estas tre konvena por Esperantistoj. Krome kiel urbo de literaturo speciale taŭga por Esperantista Literatura Asocio. Majstroj verkis ĉi tie, ankaŭ la popola verkisto Raimund, kies „Malŝparulon“ la kongreso prezentas. La tradukinto, la altŝatata S-ro kolonelo Zwach, estas membro de E. L. A., kiu fieras pro tio kaj sendas al li dankajn pensojn, ĉar pro nebona sanstato li bedaŭrinde ne ĉeestas.

La laboro de la kunsido estu gvidata de la spirito de nobla toleremo kaj aspiro al interkonsento ankaŭ en la okazo de malsameco de la opinioj.

La tagordo estas legata. La P. legas la jaran raporton, el kiu montriĝas, ke E. L. A. malgraŭ la nefacilaj cirkonstancoj dum la pasintaj jaroj laŭeble laboris. Kelkaj novaperintaj verkoj estas cititaj.

Laŭ propono de S-ro Wiesenfeld la aŭtoro de „La Reĝo Judea“, trad. de Devjatnin povas esti malkaŝita, ĉar en Ruslando li estas konata, nome princo Konstantin Romanov, parenco de la caro.

La kasoraporto evidentigas, ke la enspezoj ne kovros daŭre la elspezojn.

Je punkto 1ª de la tagordo: „Nova fikso de aliĝo kaj kotizo“ oni decidis pri 2 germ. markoj da aliĝo kaj 2 gm. da kotizo.

F-ino Zschepank raportas, ke S-ino Hankel transdonis al ŝi la prezidantecon, sed ke nun ĝi estu disponigata al la kunsidantoj. Oni laŭdezire elektu prezidanton.

Laŭ propono de S-ro Wiesenfeld la ĉeestantoj konsentas la elekton de F-ino Zschepank kiel prezidantinon, kaj de S-ino Hankel kiel honoran prezidantinon.

S-ro von Medem parolas pri la temo: Kiajn librojn ni aperigu por vere riĉigi nian literaturon? Li akcentas, ke multekostaj verkoj ne estas aĉetataj, ke tial prefere ni traduku malmultampleksajn verkojn kaj laŭeble interkonsentu antaŭe kun eldonistoj.

Dua kunsido la 12. VIII. 1924 en Vieno.

Oni interkonsentas traduki gravajn, ĝenerale interesajn verkojn kaj — laŭ propono de S-ro Eroŝenko — verkojn premiitajn en la diversaj landoj.

S-ro Jean Fethke raportas pri la temo: Tradukado de Esperanto-verkoj nacilingven. Lia traktado en bonega Esperanta elparolado estas sincere aplaŭdata.

S-ro Wiesenfeld proponas rezolucion: ELA nepre obeu al la Lingva Komitato. La rezolucio estas unuvoĉe akceptita.

Propono de S-ro Balkanyi, ke ELA raportu pri „Literatura Mondo“ kaj akceptu oficialajn rilatojn kun ĝi kiel sola esperantista literatura kaj arta gazeto, alvokante la ELA-verkistojn al kunlaboro kaj la Esp.-legantojn al abono kaj disvastigo de la gazeto, estas akceptita.

Fino de la kunsido je la $10^1/_4$ a.

Tria kunsido okazos la 13an matene je la $8^1/_2$ a.

---

# Niaj mortintoj.

*Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**D-ro Rafael de San Millán**, dumviva membro de UEA, ĵus mortis en Madrido. Li estis unu el la plej malnovaj esperantistoj hispanaj; ĉeestis preskaŭ ĉiujn kongresojn internaciajn; diversfoje li estis prezidanto de Centra Esperantista Grupo de Madrid; li kunlaboris en kelkaj esperantaj revuoj, montrante siajn delikatajn inspirojn en la versaĵoj verkitaj. En li, Esperanto kaj UEA perdas unu el la plej fidelaj amikoj.



**Emanuel Reicher**, meritplena samideano, kiu iam estis en persona interrilato kun nia neforgesebla majstro D-ro Zamenhof, forlasis nin por ĉiam.

Fama aktoro, kiu per sia arto helpis al la plena sukceso de la grandioza „Ifigenio-prezentado“ en la VIII-a internacia kongreso de Esperanto en Dresden 1908.

La 19 Majo 1924 okaziĝis en la krematorio Berlin-Wilmersdorf la cindrigo de tiu ĉi geniulo. La signifon de Emanuel Reicher por la teatra arto pruvis la multnombra ĉeestintaro de plej eminentaj geaktoroj kaj intelektaj personoj dum la cindriga soleno.

La grandaj meritoj de la altŝatata mortinto plej bone estas dokumentitaj per la diversaj nekrologoj ĉe lia katafalko.

Pastro Diestel, persona amiko de Reicher priskribis per kortuŝaj vortoj liajn altvalorajn etikajn ecojn.

La prezidanto de la Asocio de la germana aktoraro, S-ro Rieckelt kaj la intendanto de la ŝtata teatro S-ro Jessner, karakterizis Emanuel Reicher kiel eminentan kaj meritplenan aktoron kaj kreinton de moderna teatra arto.

La fama aktorino S-ino Irene Triesch aldonis ankoraŭ pli detalan karakterizon kaj en elokventa maniero pentris Reicher kiel homon, ĉiam preta, helpi al la suferanta kolegaro.

La prezidanto de la Berlina Esperanto-Gruparo, S-ro Direktoro Glück, parolis en la nomo de la tutmonda esperantistaro, dankinte al Reicher pro lia kunlaborado en Esperantujo.

Pro la meritoj de Emanuel Reicher por nia movado kaj en memoro pri la neforgesebla mortinto la Esperanto-Gruparo Berlin intencas aranĝi en aŭtuno solenan honor-feston, en kiu partoprenos la eminenta aktorino Irene Triesch kaj aliaj famuloj el la teatra mondo.

J. Glück

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, (Marche, Italio).*

Solvojn oni sendu senpere al la supra adreso.

— La nomoj de solvintoj estos publikigataj. —

### SOLVOJ:

28 = Arkimedo -:- Sirakuso*). — 29 = 1. 2. 3': rot; 3. 2. 1': tor'; 4. 2. 5': kor'; 5. 2. 4': rok'. — 30 = 1. 2: ko-ko; 2. 1: ko-ko; 3. 1: sako; 3. 2: sako; 1. 2. 3: ko-sa-ko; 3. 2. 1: ko-sa-ko. — 31 = Ofte superfluaĵo | estas pli ol alia | afer' necesa aĵo. — 32 = U-nu-a. — 33 = er-aro. — 34 = Pan-amo. — 35 = Si-ci-li-o. — 36 = Mala-ko. — 37 = Tri-polo. —

### Alumetludoj.

38. **Homa emo.**

ER ARO FUM NUM
EST LEX

Vi el tutaĵo jena faru moton | latinan signifantan | ke estas homa emo | la eraremo.

*

39. **De sag' al sagĵetisto.**



Ĉi tiu sag' fariĝu | plej glora sagĵetisto.

*

40. **Rebuso.**

| | | |
|---|---|---|
| O | M | O |
| R | A | R |
| I | R | A |
| D | O | F |

41. **Latina rebuso.**

STI - STI - STI - SERIS

Pronom' resenda. || 5a el 7.
Kondiĉan modon montras.

Mi estas eta parto de tutaĵo.

Tempa finig' de verbo.

*

42. **ENINGIGO.**

— „Kio estas vi en li?“ —
— „Estas ĝi sesdek sen tri.“ —

*

43. **Rektangula vortgrupo.**

| | | |
|---|---|---|
| 1 | 3 | 5 |
| 2 | 4 | 6 |

1. 2 = Malo de morto. | 3. 4 = De l' tago horo. | 5. 6 = Malbona herbo. |
1. 3. 5 = modesta floro. |
2. 4. 6 = Sono kaj signo.

*

44. **Plenigota versaĵeto.**

For*** iĝas por *** | kiel por fajr' blo****: | estingilo de pala, eta fl***, | vigligil' de br*****.

---

*) Bedaŭrinda mia distro! En ĉi tiu alumetludo mi ŝanĝis lokon al la du nomoj, kies unua devas esti *„Arkimedo“*. *Errare humanum est!* Jen kiel mi devis diri: Dudeksep alumetojn prenu vi | por *„presi“* nomon de | famulo sicilia; | vi tiun nomon poste | aliformigu (dividante du | el viaj alumetoj | duone, kaj ŝanĝante | ne la nombron de la | donitaj alumetoj) | en nomon de urbet', kie naskiĝis | la famul' aludita. | (Vi pensu, do, leganto: | 3,1416.....)

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 116.**
*H. Steding*, Bremen.
[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 117.**
*A. Strömvall.*
[Eskilstuna Kuriren 1917].



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 118.**
*M. Havel*, Praha.
[Lidové Noviny 1923].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 119.**
*R. Svoboda*, Praha.
[Originalo].



Sinmato per la 3-a movo.

N-ro 116 videble laboro de verkema komencanto briligas bonan oferideon. La problemo suferas je rabado da liberaj kampoj al la R per la unua movo, kio estas agado laŭ artista vidpunkto malbela kaj tial ne praktikata. Tamen la problemo vidigas bonan senton por la ŝaka kombinado. Alian impreson posttrenas n-ro 117. La parenca ofermovo okazas tie senbrue. La ŝercan situon de la nigra R en la probl. 118 eluzis Havel por la triobla oferdono. La problemo estis premiita per la IV. prezo en la konkuro de la gazeto Lidové Noviny. Havel defendas sistemon de la problemoj sen la blankaj Peonoj, kaj li feliĉe sukcesis liveri jam multege da tiaĵoj al la problemamantoj. En la n-ro 119 prezentas la verkisto modestan sed spritan etaĵon. Temas pri la tempoproblemo.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 113:** 1. Tg4—h4, Kh1—g2, 2. Tg5—f5+, Rf3—g3, 3. Kg1—f2 m. 1. ... e5—e4, 2. Th4—h3 +, Rf3—f4, 3. Kg1—e3 m.

**N-ro 114:** 1. Df4—f1, Rd5—e4, 2. Ĉa4—c3 m. 1.... Kh1—e4, 2. Df1×b5 m. 1. ... laŭvole, 2. D×K m.

**N-ro 115:** 1. Rf2—e1, Ĉa4—b2 (aŭ c5), 2. Df6—f1 ktp. 1. ... alimove, 2. Df6—f2 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 110: S. Frantz, Paris; 111, 112, 113 H. Steding, Bremen-Horn.

**Ludo N-ro 10,** ***hispana.***

[Ludita en London 1869].

| | Blanko: *Zukertort.* | Nigro *Anderssen.* |
|---|---|---|
| 1. | e2—e4 | e7—e5 |
| 2. | Ĉg1—f3 | Ĉb8—c6 |
| 3. | Kf1—b5 | d7—d6 |
| 4. | c2—c3 | Ĉg8—e7 |
| 5. | d2—d4 | Kc8—d7 |
| 6. | 0—0 | Ĉe7—g6 |
| 7. | Ĉf3—g5 | h7—h6 ? |
| 8. | Ĉg5×f7 | Re8×f7 |
| 9. | Kb5—c4 + | Rf7—e7 ? |
| 10. | Dd1—h5 | Dd8—e8 |
| 11. | Dh5—g5 + ! kaj Nigro rezignis pro la mato en la sekvanta movo. | |



# LA RUĜA KRUCO



La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, kies sidejo estas en Genève, festas nun la 60-an datrevenon de sia fondiĝo. Ne estas senutile je tiu okazo memorigi, ke delonge ĝi antaŭvidis la utilecon kaj la gravecon de nia Esp.-movado. Jam en 1906 kiam la franca leŭtenanto Bayol aperigis sian broŝuron „Esperanto kaj Ruĝa Kruco", kiun li dediĉis al la tiama prezidanto de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, S-ro Moynier, la respondo estis tre kora kaj favora.

Post la milito, en 1921, la X-a internacia konferenco de la Ruĝa Kruco alprenis gravan rezolucion favoran al Esperanto laŭ paragrafo 18 a, kiu tekstas jene: „Uzado de Esperanto": Konsiderante ke la baroj de la lingvoj multmaniere ĝenas la efektivigon de la internacia idealo de la Ruĝa Kruco, ĉu en ellaboro de helpoj sur la batalkampoj, ĉu en tiu de la militkaptitoj, aŭ eĉ en la konferencoj de la Ruĝa Kruco, la deka konferenco petas ĉiujn ruĝkrucajn organizaĵojn favorigi la studadon de la helplingvo Esperanto inter siaj membroj, precipe en la junularaj fakoj, kiel unu el la plej potencaj rimedoj por akceli internaciajn akordiĝojn kaj kunlaboradon en la kampo de la Ruĝa Kruco.

Tiun jaron la Hispana Ruĝa Kruco starigis nova statutaron en kiu ĝi enkondukis ankaŭ favoran rezolucion jenan: Art 4. — La Institucio [La Hispana Ruĝa Kruco, red.] klopodos en la jenaj kampoj: ..... paragrafo 18, ĝi helpos la disvastigon de la „Junulara Ruĝa Kruco", .. la rezolucioj kaj rekomendoj de la Internaciaj Konferencoj .... Tiu statutaro aprobita oficiale de L. M. Primo di Rivera la 16-an de aprilo 1924, aperis en la „Gaceta de Madrid", la 17. 4. 1924.

Plie „La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco" jam de pluraj jaroj sendas regule delegiton al la jaraj universalaj kongresoj de Esperanto kaj aperigis lastan jaron en sia revuo favoran artikolon pri Esperanto de unu el siaj eminentaj komitatanoj, S-ro Lucien Gautier. — Kaj jen nova pruvo de tiu simpatio al nia movado: Interkonsentinte kun la monata Revuo de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, aperanta franclingve, UEA enmetos regule en sia organo „Esperanto" la artikolojn transdonitajn de la Ruĝa Kruco pri ĝia agado kaj reciproke la ruĝkruca revuo disponigos al UEA ĉiumonate unu paĝon por propagando de Esperanto.

Ni tre ĝojas pri tiu decido kiu konfirmas la favoreman sintenadon de la Ruĝa Kruco kontraŭ ni. En la aŭgusta numero de la R. K. revuo jam aperis konsekvence la manifesto de la delegitaro en la porlerneja konferenco de Genève 1922 kaj ni esperas, ke tiu reciproka kunlaborado fariĝos ĉiam pli grava.

Jen kelkajn informojn pri la pliĝenerala agado sesdekjara de la Ruĝa Kruco:



## Sesdeka datreveno de la Ruĝa Kruco



La 22 aŭgusto 1864 estis subskribita la „Ĝeneva Konvencio" por la plibonigo de la sorto de la militvunditoj en la militiraj armeoj. Preskaŭ ĉiuj ŝtatoj de la mondo aliĝis tiun konvencion kiu bazas la ruĝkrucan institucion. La sinsekvaj militoj evidentigis pli kaj pli la sanktan rolon de la Ruĝa Kruco. Kvindek naciaj societoj estas nun oficiale rekonitaj, kaj se oni aldonas al tiu nombro la koloniajn Ruĝajn Krucojn alligitaj al la metropoloj: Ruĝa Kruco de la britaj dominionoj, de la nederlandaj Hindioj, de la belga Kongolando, la sumo atingas proksimume 60; kaj ne plu ekzistas eĉ loko kie ne flirtas la ruĝkruca standardo.

La Ruĝa Kruco ne nur plivastiĝis laŭamplekse; ĝia konceptado plilarĝiĝis kaj ĝia rolo ne plu sin limigas per flegado de malsanuloj kaj vunditoj dum militempo. Rimarkindaj estas la sinsekvaj transpasitaj etapoj. Ĉiu internacia konferenco de la Ruĝa Kruco signas novan progreson: Helpo en kazo de malfeliĉegaj okazintaĵoj, pristudita de la Berlina Konferenco en 1869 kaj restudita en St. Petersburg en 1902; la batalo kontraŭ ftizo ekzamenita en Londono en 1907. Kaj tiuj deziresprimoj ne restas sen sekvoj. Sufiĉas memorigi la katastrofon de Messina en 1908 kaj la fervoran rapidemon de ĉiuj landoj por sendi monhelpojn kaj antaŭ nelonge la malsategon en Ruslando, la tertremon en Japanio por konstatigi, ke la universala interhelpo jam estas historia fakto. La nova rolo de la Ruĝa Kruco jam sankciita de la art. 25 de la kontrakto de la Ligo de Nacioj baldaŭ elmontriĝos ankoraŭ pli evidente: depost kelkaj monatoj ĉiuj registaroj pristudas la projekton de ĉiunacia entrepreno por reciproka helpo al la popoloj trafitaj de malfeliĉegoj. Konceptita de la Prezidanto de la Itala Ruĝa Kruco, tiu nobla projekto sendube kondukos al subskribado de nova konvencio, kiu reguligos la devojn de la Ruĝa Kruco en pactempo kiel la Ĝeneva Konvencio reguligas ĝiajn devojn en militempo.


**Slipujo kaj Klasigilo R. S.**

(laŭleĝe patentitaj)



1e **Slipujo R. S.**

La publiko unuafoje eksciis pri la „Slipujo R. S." dum la Foiro de Paris 1924.

Dank' al tre simpla aranĝo, per tiu ĉi nova Slipujo, iu ajn papero estas uzebla laŭ la farota laboro, **anstataŭ la deviga kartonslipo.**

Por egala nombro da slipoj, la Slipujo R. S. dufoje malpli kostas kaj postulas trifoje malpli grandan lokon.

Simpla kaj laŭracia estas ĝia manuzado; la papero ne difektiĝas.



2e **Klasigilo R. S.**

La „Klasigilo R. S." estas uzebla laŭ la sama maniero.

La dokumentoj ne premas unu la alian kaj ĉiam estas pretaj por praktika manuzado.

Ĉiuj modeloj estas fabrikeblaj laŭ ĉiuj formatoj.

Ĉiu mendo esprimota per Esperanto profitos rabaton de 10 procentoj.

Laŭpete sendota prospekto de:

**René Seguin : Paris VI.**

fabrikisto

1 rue Bourbon le Château.

**„Lignocarbon" Ltd.**

Societo kun lim. garantio.

**Katowice,** Polujo, Silezio, str. Damrota 2.

Telegr.-adr.: Lignocarbon Katowice.
Code ABC V. Eld. & Rudolf Mosse.

Liveras:

Silezian Karbon kaj Kokon

**LIGNON** por minejoj
**LIGNON** por fervojoj kaj telegrafoj
**LIGNON** por paperfabrikoj
**Feron, Feroduonfabrikaĵojn**
**Stanon, Zinkon, Plumbon**
kaj ties duonfabrikaĵojn

Oni serĉas reprezentantojn kaj agentojn

**NOV**aĵo tre interesa por filatelistoj estas la poŝtmarkoj eldonitaj kaŭze de la VIII-a Tutmonda Poŝtkongreso en Stockholm 1924. Kolekto de 12 valoroj, nestampitaj markoj, 6 sved. kronoj. Plena kolekto de 15 valoroj 15 sved. kronoj (la tri plej altaj valoroj estas 1, 2 kaj 5 sved. kronoj kaj laŭ alia tipo). Stampitaj markoj pli poste, escepte la tri plej altajn tipojn. — Livero post antaŭpago.

**H. Halldor,** Del. de UEA, Fack 698, **Stockholm I.**

**Malnovaj Ĥinaj Lakaĵoj**
vendas — eksportas — aĉetas

S-ro MAGEM, 5 rue Saint Georges, PARIS IX.

Korespondas angle — hispane — france — esperante.

**Lernanto (ino)**

trovas plenaman flegadejon en instruista familio — eventuale ankaŭ posthelpon en lernejaj aferoj — gimnazio kaj aliaj superaj lernejoj, bela parko troviĝas en la proksimo de nia granda loĝejo. Prezo monate ca. 100 ormarkojn laŭ la pretendoj

Bonvolu rekomendi min en eventualaj okazoj.

**STRAUBE,** instruisto, **BERLIN-Alt Moabit 130.**

**Ĵus aperis:**

Albrecht Dürer. Vivo kaj verkado de la fama pentristo. 28 bildoj pri liaj verkoj kun biografio kaj klarigoj de *Hans Koch*. Presita sur luksa papero ormark. 1,40

La Esperantisto en Germanio. Gvidlibro tra la germana lingvo. De *Hans Koch*. Prezo: ormark. 3.—

La libro nek estas detala gramatiko, nek nura frazaro. Ĝi prezentas praktikajn temojn de la publika vivo klarigante koncize ankaŭ la gramatikan fundamenton, tiel, ke libera uzado estas ebla.

Revendistoj rabaton.

Eldonis:

**Sudgermana Esperanto-Eldonejo Oskar Ziegler**
Deisenhofen b. München.


Esperanto-Presejo Magdeburg-N.